REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY,
PAULO DE LENGYEL, DR^O^ VINCENTO TÓTH, PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR^O^ BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

**NIA KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (VARSOVIO), IVAN H KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J. JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI.

JARABONO: 144.000 HUNG. KRONOJ.

# KRUCENIGMO VI.

**Horizontale:** 1. Caro Petro ekstermis ilin kruele; 6. fandita sukero; 12. pastro ĝin ofte diras; 14. dia nutrajo; 15. limo de objekto; 17. plenige akiri [infinitiva formo] 20. Esperanta romano orig.; 22. malbona romano ĝin ofte estigas; 23. franca-belga rivero; 24. Biblia monto; 25. sufikso; 26. speco de asketo; 27. sufikso; 28. fluida ŝtono; 31. kun ĝi ni naskiĝas; 33. forta voĉo; 34. lando de oro (Biblia); 37. germana nomo de germana-franca rivero; 39. grandmerita espisto; 40. konata espistino; 42. ne al ĝi tiras Esp.; 44. virinoj havas pli multe ol viroj; 46. Kalocsay poemis pri tieaj poploj; 48. ofte estigas koleron; 50. la plej muzika mono; 52. nek diri, nek aŭdi ĝin estas agrable; 54. reĝo fama pri la oreloj; 56. dusenca prefikso; 57. edzo de Medea; 59. vorto de Kristo sur la kruco; 60. banloko; 62. nepre necesa por vivo; 63. itala reĝino; 65. nomo de du germanaj romanverkistoj; 66. Patroklos estis tia por Aĥilles; 68. pola romanverkisto, konata en Espujo; 70. diino, kies nomo, en alia formo, troviĝas en titolo de Espa romano; 71. mortiginto, pri kiu verkis Sophokles, Euripides, Voltaire, Alfieri.



**Vertikale:** 1. Lingvokomitatano recenzisto; 2. malagrabla gusto; 3. germana urbo kaj fama ŝipo; 4. artikolo en Ido; 5. mita figuro, filino de Kadmos; 7. la sama kiel 66. sed france; 8. egipta dio; 9. eta fiŝo manĝebla; 10. loĝinto de Hispanio; 11. filozofo, pensinta pri internacia lingvo; 13. Espa romanverkisto; 16. antaŭnomo de kinoaktorino; 18. estas homoj, en kies kapo mankas; 19. animo; 21. Shakespeare-figuro; 29. Espa romanverkisto; 30. soldata ripozejo; 32. dolĉa tropika frukto; 33. fama rusa palaco; 35. proksima parenco; 36. plej alta grado de plaĉo; 37. ĝin enhavas 44. hor.; 38. tranĉil-talento; 41. edzino de Aeneas; 43. grandmerita espisto mortinta; 45. li diris: ve al venkitoj [ne nuntempe]; 47. unu el patroj de Ido; 48. dolĉa kvazaŭ kiso; 19 la plej fama krimulo; 51. altebenajo en Azio; 53. opero de Bellini; 55. li suĉis lupolakton; 58. estmaniero; 61. ĝardenlaboro; 63. pseŭdonimo de Espa publicisto; 64. sovaĝbesto; 67. ago, sed ekzistas ankaŭ tia lando; 69. prefikso (= 56. hor.).

Ĉiuj Esperantaj vortoj, escepte de *17*, estas radikoj (sen finajo).

*Pri Krucenigmo IV.* Ĝin solvis neniu. Sed ties kaŭzo estas verŝajne la preseraroj, kiuj sukcesis fuŝi en la enigmon. Bonvolu korekti jene: [vertikale]; 45. urbo kaj verkisto; 46. spico de supo; 50. dua parto de fama Espa pseŭdonimo; 54. pseŭdoprefikso. — Kompreneble, la limdaton ni prokrastas.

*Pri Krucenigmo V.* Atentu! La cifero *19* estas en malbona loko, ĝi apartenas al la dekstramane sekvanta kvadrateto.

# LETERKESTO

Redaktejo kaj administrejo parte libertempas, parte preparas sin je la Kongreso. Tial ĉiujn ni petas pri iom da pacienco. Mendoj kaj aliaj urĝaj aferoj ĝis mezo de aŭgusto, kaj ĉiuj aferoj ĝis fino de aŭgusto estos nepre aranĝitaj.

La saman afablan paciencon ni petas ankaŭ de tiuj sendintoj de manuskriptoj, kiujn ni ankoraŭ ne sciigis. En la sekvonta numero ĉiuj estos sciigataj.

**Sroj** J. v. Sch. kaj dro Eberler ricevos baldaŭ leteron.

Ni ripetas la alvokon pri la rubriko „Arto kaj Artistoj". Kiel vi vidas, ĝis nun ni ne sukcesis aperigi ne doman artikolon kun kliŝoj. Tiamaniere ni ne estas respondaj por la danĝero minacanta nian internaciecon, kiun ni, per via helpo, volus kaj povus eviti.

# GAJA PREZENTADO

I. ŜIRJAEV



Sro Antonio Savazzini, la posedanto kaj direktoro de la negranda „Mondfama Itala Cirko“, kiel oni nomis ĝin en cirkafiŝoj, altkreska maldikulo, vestita je frako, senriproĉe blanka amelita ĉemizo, blankaj gantoj kaj cilindroĉapelo, kun mallonga vipeto en la mano, furioze kuris tra la malgranda tualetejo de la cirko kaj, nerve svingante per la vipeto, jen rapidigis akrobatojn, kiuj sin vestis je diverskoloraj orbroditaj cirkvestaĵoj, jen, ŝajne, jam je centa fojo haltis apud la enirpordo, fikse rigardis ĝin, kvazaŭ atendante iun.

En la hodiaŭaj afiŝoj estis graslitere, interalie, anoncite, ke „la favorato de la publiko“, burleskulo sro Vittorio Mozzoni hodiaŭ aperos antaŭ la publiko kun neordinara provizo de originalaj novaĵoj kaj ridindaĵoj, ankoraŭ nenie aŭditaj iam. Antaŭe similaj avizoj havis grandan efikon kaj en la cirkon kunvenis grandnombre le nepretendema urbanaro por ĝui ŝercaĵojn kaj burleskaĵojn ridigajn. Sole je tio ĉi ankaŭ nun esperis s-ro Savazzini, sed, laŭmezure de tio, kiel la cirko pleniĝadis kaj alproksimiĝis la tempo de la komenco de l' prezentado, lia maltrankvileco kaj ekscitiĝo kreskis, ĉar pro ia kaŭzo la burleskulo ankoraŭ ne venis en la cirkon.

Dum du jaroj la cirko laboris en la negranda urbo K. kaj, estante sola amuzejo por la urbanoj, liveris grandajn enspezojn al la posedanto. Sed antaŭ nelonge la feliĉo kvazaŭ subite forturniĝis de li kaj plej diversaj malfeliĉaĵoj ŝutiĝis sur lian kapon unu post la alia. Unue, rompis sian piedon dum cirka prezentado la sola rajdistino de la cirko, fr-ino Aleksandra, kiun tre ŝatis la publiko, poste mortis la sola reprezentanto de dresitaj bestoj — la urso, poste la gardhundo de la cirko formanĝis anseron, kiun oni dresis delonge por la scenejo kaj kiu tre esperigis sian mastron, poste... sed tio ĉi estis tiel terura, tiel neatendita por s-ro Savazzini, ke li ne povis sen akra doloro en la koro pensi pri tio ĉi. En la urbon ĵus venis de ie nova cirkposedanto — konkuranto kun multenombra gerajdistaro kaj akrobataro, kun multaj belaj ĉevaloj, du dresitaj bovoj kaj tri leonoj. Estis evidente, ke la publiko plu ne atentos liajn allogajn afiŝojn, ofte tiom multe promesantajn, sed tre malmulte donantajn, kaj sin ĵetos en la novan cirkon.

Ie malproksime, eksonoris mallaŭta sonorileto. Ĝia melodia sono ankoraŭ ne silentiĝis, kiam en la pordo de la tualetejo aperis la malvigla, iom kurbiĝinta figuro de la atendata burleskulo. Li estis mezkreska tridekjara viro. Lia vizaĝo kun belaj regulaj trajtoj estis pala kaj el-sub la densaj brovoj rigardis pensoplene paro da mildaj, sopirantaj okuloj. Enirinte, li faris respektoplenan riverencon al la mastro kaj al la kolegoj kaj komencis jam rapideme demeti sian multeportitan, tamen ankoraŭ konvenan palton, kiam la direktoro, kiel furioza besto, saltis al li kaj, svingante antaŭ lia vizaĝo sian vipeton, ekkriis per malagrabla, tranĉanta voĉo, rapidparole:

— Bone!... Tre bone!... La cirko estas plena, la publiko delonge atendas kaj vi, ŝajne, forgesis, ke vi devas hodiaŭ, konforme al la afiŝoj, aperi antaŭ ĝi en la unua parto de la prezentado... Vi, estimata sinjoro, observas nur viajn interesojn kaj eĉ por unu minuto ne enpensiĝas pri tio, ke tia konduto minacas mian bonstaton... ke la publiko perdos la paciencon, indigniĝos kaj repostulos sian monon!... Mi vizitis preskaŭ ĉiujn landojn de Eŭropo, mi estis en Ameriko, mi havis aktorojn el ĉiuj nacioj... sed la rusoj, mi devas diri, estas plej sendankaj el ĉiuj ili!... Esperante je via honesteco kaj akurateco, mi ĉiam komplezas vin, kvankam tio ofte estas kunligita kun granda risko kaj malfacilaĵoj por mi. Se vi memoras, mi jam delonge antaŭpagis al vi salajron, se vi havas ankoraŭ almenaŭ plej elementan ideon pri konveneco — vi devas memori, ke antaŭ du tagoj mi ree donis al vi dek rublojn por la kuracado de la knabinaĉo, ke hodiaŭ matene mi ree, kompatante vin, donis al vi la saman sumon... Se oni ricevas monon, oni devas ja labori! Ĉu mi estas kulpa, ke ia familia



LIONARDO DA VINCI: LA LASTA VESPERMANGO.

malfeliĉajo okazis al vi ?... Ĉu pro tio mi devas riski, ke mi restu tute sen panpeco ?... Eble, mi mem estas pli malsana ol iu! Eble, mia familio estas en mizerego! Eble, mia edzino nun mortas!... Sed mi neniam elmontras mian malfeliĉon, mi neniam malfruiĝas en mia ofico, memorante, ke pro mia neakurateco suferos miaj servantoj...

Dum la ĉagreniĝinta direktoro elverŝis sian indignon sur la malfeliĉan malfruiĝinton kaj elokvente elmontris antaŭ ĉiuj sian bonfaremon kaj kompatemon, s-ro Mozzoni, kun helpo de du servantoj, silente kaj rapide ŝanĝis siajn vestojn je tiuj de la cirko kaj la tria helpanto, kun plej serioza mieno, makulis lian palan nobltrajtan vizaĝon per ia malbonodora malfluida kolorilo. Kun ĉiu eksvingo de la peniko, kun ĉiu nova makulo, metita sur la vizaĝo, ĝi perdis iom post iom sian di-similan belecon kaj akceptis tiun abomenan, ridigan nuancon, kiu tiom kripligas, humiligas la homon, senigas lin je homa digno kaj estas propra nur al arlekenoj kaj burleskuloj.

*

La burleskulo — Gavrilo Ivanyĉ Mejeumok — kiu, pro la ambicio de la cirkposedanto, (kiu postulis, ke ĉiuj geaktoroj aperu sur la scenejo nepre je italaj nomoj,) en la cirko estis konata laŭ la itala nomo Vittorio Mozzoni, nek aŭdis la riproĉparolon de la direktoro, nek sentis la kutiman glitadon de la peniko tra la vizaĝo, nek eĉ konsideris, ke post unu-du minutoj li devos — ĉu li estas inklina al tio, aŭ ne, ĉu li havas konforman humoron, aŭ ne — li *devos* ridigi kaj amuzi popolamason. Lia koro estis premegita de doloro, liaj pensoj estis malproksime for de la cirko.

Antaŭ du jaroj li vidviĝis kaj nun li havis en la tuta mondo solan parencan ekzistaĵon — la sesjaran filineton Tanja, aŭ fraŭlinon Teresa, kiel oni nomis ŝin en la cirko pro la tiea kutimo: trouzi sen ĉia bezono fremdlandajn nomojn. La knabino pasigis sian vivon inter la geaktoroj de la cirko, kie ŝi restis dum longaj horoj de provprezentadoj kaj prezentadoj, admirante la lertecon de la aktoroj kaj revante pri tio ke post du-tri jaroj ŝi jam debutos kiel rajdistino kaj aŭdos tondrantajn aplaŭdojn de la publiko. Similaj revoj estis ankaŭ en la kapo de ŝia patro. La cirko estis ŝia parenca medio kaj, malgraŭ sia juneco, ŝi konis delonge multajn postkulisajn intrigojn kaj sekretojn, kiuj ordinare estas neatingeblaj por ceteraj mortemuloj. Teresa kreskis beleta kaj vigla knabino, sed antaŭ tri semajnoj ŝi malsaniĝis. La malsano progresis de tago al tago, malgraŭ la flega zorgemo de la patro, kiu sendorme pasigis ĉiujn horojn liberajn apud ŝia lito, malgraŭ la ĉiutaga vizitado de doktoro, malgraŭ karaj kuraciloj, kiujn li konsilis uzi, — la knabino velkis, kiel kampofloro.

La doktoro konsilis al Gavrilo Ivanyĉ, ke li translokiĝu kun la filino en pli komfortan loĝejon kun pli grandaj fenestroj, turnitaj al la suno, ke li dungu flegistinon, kiu senforire estu apud ŝi. Gavrilo Ivanyĉ mem konsciis la necesecon de tio ĉi, sed mankis al li mono. La antaŭricevita salajro kaj la du monricevoj, aluditaj de la cirkdirektoro, estis tute elspezitaj por la malsanulino, tamen li devis ankoraŭ pagi por la ĉambro kaj aĉeti ĉiutage novajn, senfine novajn karajn kuracilojn.

Hodiaŭ antaŭvespere li invitis du doktorojn, kiuj longe kaj atente esploris la knabinon. Forirante, ili unuanime kaj malkaŝe deklaris, ke serioza danĝero minacas al ŝi, ke, se antaŭ la mateno ne okazos pliboniĝo en ŝia stato, plu restos nenia espero pri ŝia vivo. Al la doktoroj la konsternita patro fordonis la tutan monon, kiun li havis.

Alproksimiĝis la horo por foriri en la cirkon, sed la knabino senĉese baraktis en terura febro, deliris, ploris kaj, svingante en la aero per la maldiketaj manetoj, laŭte vokis al si la patron, ne rimarkante, ke li sidas sur la rando de la lito kaj jen kisas ŝian frunton, jen karesas ŝiajn molajn harojn. Li konsciis, ke li nun devas lasi ŝin sola en la malluma ĉambro kaj longe ne havis en si sufiĉan forton por tia senkora senhoma ago. Tute ne esperante, plu vidi ŝin viva, fine li tamen ŝlosis ŝin en la ĉambro kaj, nenion rimarkante dum la vojo, rapidis ridigi homojn.

Dum la vojo, tuta lia atento estis koncentrigita ĉirkaŭ unu penso — penso pri mono, kiun li nepre devas trovi antaŭ la mateno por aĉeti kuracilon kaj por ree inviti la doktoron. Kaj dum li klare sciis, ke la direktoro delonge jam estas malkontenta je li kaj plu ne donos eĉ unu kopekon, en lia kapo subite aperis kaj maturiĝis kuraĝa plano, kiu ankoraŭ antaŭ kelkaj tagoj ŝajnis al li nekonvena kaj neakceptebla. Kaj ju pli proksime li estis al la cirko, des pli klara kaj pli difinita fariĝis la plano.

*

Iu serveme malfermis antaŭ li la pordon, iu etendis al li lian grizkoloran feltan konusĉapon, iu facile ekskuis lin je la ŝultro kaj, kliniĝinte al lia orelo, ekflustris:

— Antaŭen! Estas jam tempo!...

Gavrilo Ivanyĉ leviĝis, per la kutima mangesto li metis bravule la ĉapon sur la verton kaj, svingante per la manoj, per malgrandaj rapidaj paŝoj ekkuretis saltetante en la mezon de la areno.

En la cirko tuj ekregis silento, la rigardo de ĉiuj ĉeestintoj tuj sin turnis al la favorato — neelĉerpebla fonto de gajeco. Ĉe hela lumo de elektraj lampoj Gavrilo Ivanyĉ jam de malproksime rimarkis, ke la cirko estas plena, eĉ en la plej multekostaj lokoj estas multe da rigardantoj. Tiu ĉi cirkonstanco plivigligis lin kaj verŝis en lian dolorpremitan koron radion de espero.

Ankoraŭ ne atinginte la mezon de la areno, li formetis de la kapo la ĉapon kaj, per lerta movo de mano, renversinte, ĵetis ĝin antaŭ si sur la sablitan arenon, kiel turnludilon, kaj laŭte ekkriis per apatia, tamen ŝajninta al la ĉeestintoj gaja, voĉo:

— Jen estas mi!... Bonan vesperon!... Ĥa-ĥa-ĥa!...

Poste li metis la dekstran manon al la koro, la maldekstran etendis flanken kaj riverencis al la publiko je ĉiuj flankoj.

Laŭta, sovaĝa ridego de la galerio, kiel tondro, tuj disvastiĝis tra la tuta cirko, supersonante la ŝajnigan, kutiman ridon de la burleskulo.



BRONZSTATUETO ATRIBUITA AL LIONARDO (en Budapest)

Atendante, kiam la ridego silentiĝos, Gavrilo Ivanyĉ, ne rapidante, levis la ĉapon, metis ĝin sur la nukon kaj haltis senmove, fikse rigardante la antaŭajn benkojn, sur kiuj estis vidataj kontentaj, gajaj vizaĝoj de riĉaj rigardantoj.

La ridego, aprobvoĉoj longe ankoraŭ skuis la aeron en la cirko, jen silentiĝante, jen kreskante kun nova forto, kvankam nenio plu elvokis ĝin. Elektinte momenton, kiam la tumultvoĉoj iom malfortiĝis, Gavrilo Ivanyĉ, ekpaŝinte antaŭen kaj ne forturnante sian rigardon de la riĉa publiko, ekparolis per mallaŭta, emociplena voĉo:

— Altestimataj sinjorinoj kaj altestimataj sinjoroj!... Mi rigardas la ĉarmajn, gajajn vizaĝetojn de tiuj ĉi infanetoj kaj nevole mia imago transportas min al malfeliĉa malsana knabineto sesjara... Teresa... mia Tanja...

Lia voĉo ektremis kaj larmoj, delonge retenataj, torente ekŝprucis el liaj okuloj, kiam la galerianoj, kiuj nek aŭdis la mallaŭtajn vortojn, nek vidis la emociplenan vizaĝon de la burleskulo, atendante ian novan ridindaĵon de li kaj supozante, ke la ĵus diritaj de li vortoj estas ĝuste ia spritaĵo, ree ekridegis, komence ne laŭte, dise kaj malkuraĝe, sed poste ĉiam pli laŭte kaj pli laŭte, infektante per sia senkaŭza gajeco la ceterajn ĉeestantojn.

Iom post iom la ridego silentiĝis, ĉiuj, streĉinte la aŭdosenton, fikse rigardis la burleskulon; de malproksimaj benkoj, kie tute ne estis aŭdebla lia voĉo, ekaŭdiĝis laŭtaj voĉoj:

— Pli laŭte, pli laŭte, ni petas!...

— Kiam mi estis feliĉa, kiam nenia malĝojo premegis min, mi, altestimataj gesinjoroj, ridis kaj infektis ĉiun per mia gajeco... — li daŭrigis, penante el ĉiuj fortoj venki la ploregon, kaj metis al siaj okuloj nazotukon, kiam neretenebla, furioza ridego kaj krioj: „Ni aŭdas nenion!... Pli laŭte!...", supersonataj de la ridego, ree ekskuis la cirkon.

S-ro Savazzini, fikse rigardante la burleskulon tra malgranda trueto de la lignotabula pordo, el ĉiuj fortoj streĉis sian aŭdosenton, penante kapti almenaŭ unu vorton el la parolo tiom ridinda kaj gaja, — kaj ĝoja, memkontenta rideto kuris tra lia vizaĝo. Tute forgesinte la antaŭnelongan ĉagrenon kaj koleron, li nun kun neesprimebla ĝuo observis la nesilentiĝantan entuziasmon de la publiko kaj la senmovan figuron de la talenta aktoro.

Dume li daŭrigis, malgraŭ la tumulto ankoraŭ reganta en la cirko:

— Sed ĉu mi povas ridi nun, altestimataj... kiam mia filineto, lasita sola, baraktas en antaŭmorta agonio, kiam mi — malfeliĉa patro — estas senigita je eblo, pro manko de mono, dungi por ŝi flegistinon, aĉeti necesan kuracilon...

— Sufiĉe, sufiĉe!... — aŭdiĝis voĉoj el la antaŭaj benkoj.

Kelkaj el la sinjorinoj, aŭdintaj lin kaj kortuŝitaj de lia tragedio, elprenis nazotukojn kaj metis ilin al siaj okuloj. Tio ĉi ree estis komprenita de la galerianoj kiel signo de ia nova, neordinara burleskaĵo kaj elvokis novajn bruegajn eksplodojn de ridego, kiu aliiĝis jam je nepriskribebla kaj nekomparebla ĥaoso, kiam unu el la bonkoraj sinjorinoj, forlasinte sian lokon, transpaŝis la barieron kaj, etendinte al la burleskulo sian manon, petis de li lian ĉapon. Nenion povante kompreni, la publiko furiozis, laŭtege piedfrapis kaj ridegis, esprimante per tio sian brutan, vulgaran entuziasmon al sia favorato.

Dume la sinjorino ĉirkaŭiris la benkojn kaj moneroj malavare ŝutiĝis de ĉiuj flankoj en la konusan ĉapon. Post kvin minutoj ĝi estis preskaŭ plena de moneroj.

Premante la ricevitan ĉapon al la koro, Gavrilo Ivanyĉ longe salutis la publikon, je la ĉiam ankoraŭ nesilentiĝintaj sonoj de la frenezantaj galerianoj, kaj kun feliĉa, brilanta rideto sur la vizaĝo, tra kiu fluis la koloriloj solvitaj de la larmoj, li malaperis en la tualetejon.

Oni longe ankoraŭ ridegis kaj, sovaĝe piedfrapante, elvokis la burleskulon.

Poste sur la areno aperis unu post la alia artifikistoj, ĵonglistoj, rajdistoj kaj akrobatoj, sed ĉiuj lertaj agoj de ili, jam delonge konataj al ĉiu kaj senŝanĝe ripetataj de tago al tago, estis observataj sen plej malgranda atento kaj kun tombeja silento. La benkoj rimarkeble malpleniĝis kaj antaŭ la fino de la prezentado jam preskaŭ neniu restis en la cirko. *(Originale)*

# V I K T I M O J

## *ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

**JULIO BAGHY**

### NAŬA ĈAPITRO

En aŭgusto, la „ruĝa reĝimo" agoniis jam en la Transbajkala gubernio. Sangavidaj hordoj vagadis ĉie, kies rabbesta sovaĝeco serĉis vandalajn plezurojn. La trompiĝintaj idealistoj malespere rigardis la ruiniĝon de siaj belaj sonĝoj, sed ĉia elokventeco vanis. La surpapera idealismo fariĝis viktimo de la malklera amaso. Oportunistoj profitis la altruistajn ideojn. Belsonaj frazoj cirkulis, ĉiutage novaj belnomaj komisionoj formiĝis, kiuj la postan tagon jam montris siajn ungojn danĝerajn. La potenco de la revolucia registaro estis forta nur kontraŭ la meza klaso kaj la kamparanoj, sed ĝi estis tute senpova kontraŭ la bandoj formiĝintaj el la liberiĝintaj kaj sin armintaj kanajloj de pundomoj. Ĉi tiuj, mortiginte siajn idealistajn gvidantojn, kiuj volis ilin bridi, rabis, murdis kaj detruis freneze, kaj ĉi tion ili nomis anarkismo.

La tuta Transbajkala gubernio estis kvazaŭ brulanta teritorio. Nur la militkaptitejo ŝajnis esti neŭtrala insulo, kie la diversnaciaj kompatinduloj ĝeme toleris la subpremon de la „Libereco". La katenoj estis pli pezaj ol dum la carismo, ol sub la plej severa disciplino de la despotismo. Verdire, unu subskribo estis sufiĉa por liberiĝi, sed tiu subskribo signifis rekrutiĝon al la ruĝa armeo, kaj per tio perdon de ĉiu espero je hejmeniro.

Johano de multaj semajnoj ne iris plu al la urbo. Li volis eviti renkontiĝon kun la bela virino. Li timis ŝin kaj tamen lia sopiro ŝajnis nur nun vekiĝi, kiam li ne aŭdis plu ŝian sonoran ridon, ne vidis plu la allogan ĉarmon de tiu Madona vizaĝo. Neniam ŝi staris antaŭ li tiel vivanta kiel nun. Ĉiu epizodo de la kunepasigitaj tempoj reaperis kaj tentis lin. Kaj nun li ne plu havis talismanon kontraŭ tiu ĉi tento, ĉar la letero, kiu sciigis la morton de la patro (Doŝky bone konjektis) tranĉis ankaŭ alian, kruelan vundon en lia koro. Li ne volis, perforte li ne volis kredi tiun leteron, sed vane li volis mistifiki sin. La altaro ruiniĝis kaj kun mortvunda koro li ŝanceliĝis inter la ruboj.

Li retiris sin de la publika vivo kaj iom poste li igis fermi la teatron. Lia energio rompiĝis. La vivon li muelis tage en apatia rigardo al la malplena nenio, vespere en vagado tra la senhomaj barakstratoj kaj nokte en febra duondormo.

Iun tagon li sidis sur benketo, en larĝa ombro de arbo, sur la monto. En la valo svarmis la vivo de la barakurbo. Ĉirkaŭ li silentis la tombejo de la militkaptitoj. Freŝa fojnodoro, miksita kun la ozona spiro de la proksima arbaro, ĉirkaŭŝvebis lin. Apud li sidis Doŝky, la nedisigebla amiko. La bona samsortano silente sekvis ĉie sian amikon. Li pacience atendis la minuton, kiam la iama komunikema naturo de Johano denove montros sin. Longajn semajnojn ili jam pasigis kune, silente, kvazaŭ ili estus mutaj; sed komenci parolon estis ĉiam vane. Johano evitis la interparolon. Kelkaj vortoj, aŭ nur laca gesto estis ĉiam la tuta respondo.

Pli ol unu horon ili jam sidis tie sen parolo, kiam Johano leviĝis por promeni en la tombejo. Doŝky restis sidanta kaj

malgaje rigardis la amikon, kiu egalpaŝe mezuris la sablan vojeton, kondukantan al la transmonta vilaĝeto. Li baldaŭ revenos. Ĝis la rando de la tombejo li kutimis iri. Lia melankolia kapklino revekis en Doŝky kompaton preskaŭ turmentan. Tiel dolore estis al li, ke tiu ĉi kompato estas senpova, helpas neniom. Li metidis.

De post la malagrabla incidento, kiu okazis inter Fiza kaj Kaatja, ankaŭ li ne renkontis la belan prokuroredzinon. Foje li provis viziti ŝin en la urbo, sed la servistino diris tute malkaŝe, ke la sinjorino ne deziras paroli kun li. Lin ofendis ĉi tio, sed kion fari? Trian tagon post la fiaska vizito li renkontis survoje la servistinon Marusa, kiu ĝuste serĉis lin, por repreni la baptodokumenton de sia mortinta fileto. Li transdonis ĝin. Kion fari, se la dokumento ne estas lia rajta posedaĵo? Li vane petis la knabinon. Ŝi, iom malgaje, ripetadis: „la sinjorina moŝto ordonas kaj mi devas obei".

Tamen antaŭ la foriro ŝi riskis fari averton: „Gardu bone la infanon kaj sinjoron Bardy!"

Iun tagon aperis Fiza en soldata uniformo. Ŝi rekrutiĝis en la virina bataliono de anarkistoj. Ĉi tio ege surprizis lin, ĉar Fiza antaŭe ne tro entuziasmis pri la ekstrema revolucia partio. Li ne povis reteni sin de riproĉaj rimarkoj. Fiza ridetis, ŝajne facilanime. Sed poste, kiam ili restis solaj, ŝi formetis ĉi tiun ridetan maskon kaj amare rakontis la kaŭzon de sia rekrutiĝo. Ŝia rakonto ne estis tre trankviliga por Doŝky. Iu kalumnie denuncis ŝin ĉe la nova registaro, ke ŝi klopodas fari konspiron inter la militkaptitoj. Sciiĝinte ĝustatempe pri la denunco, ŝi, por paralizi ĝin, rekrutiĝis en la virina bataliono, tiutempe varbata. La saman nokton Fiza denove vizitis la artistan barakon kaj post longa konsidero kaj priparolo ŝi forportis la knabeton. Ŝi scias kien kaŝi la senpekulon.

Li konjektis, ke post la kulisoj aranĝas ĉion ĉi la bela virino, kies ofendita vanteco nun sopiras venĝon. Li nur ne povis kompreni, kiamaniere havas influon Katja, apartenanta al la malamata burĝa klaso.

Sed ankaŭ ĉi tiu demando solviĝis evidente. Antaŭ du tagoj li iris al la komandantejo por peti pasporton al la urbo. En la ĉambro de la adjutanto li renkontis Katja, kiu brakumante sidis en granda fotelo kun la junulo. Doŝky embarasiĝis, Katja provoke ridetis kaj afektante protektis lian peton.

— Ne rifuzu la pasporton, kara Simon Petroviĉ! Li verŝajne tre bezonas ĝin. Mi konas lin. Li estas brava knabo.

Doŝky kun troa riverenco dankis la komplimenton kaj la nepetitan protekton, sed li decidis ne uzi la permeson, kiun li bezonis por viziti la urbon, kie Fiza kaŝis la knabeton ĉe maljuna konatino.

Johano jam malaperis inter la tomboj, Doŝky ne povis sekvi lin per rigardo. Ankaŭ li leviĝis, ekiris la saman direkton kiam flustraj vortoj haltigis lin.

— Sinjoro Doŝky, ne iru! Restu!

## LA SOPIRO

*Sur kamp' estinte, mi ekvidis*
*Post verd' herbeja kaj arbaroj bluaj*
*Forajn, nebulajn, malproksimajn montojn.*

*Kaj tuj ekpensis mi, ke eble tie,*
*Ke tie eble inter foraj montoj*
*Mi lokon trovos por sopiro mia.*

*Sed vane! Mi ja bone scias,*
*Ke, se mi estus sur ĉi tiuj montoj,*
*En tiujn forajn, verdajn ebenaĵojn*

*Rigardo mia vagus sopirplena.*
*Ĉar tie, nek ĉi tie, ĉar en mond' nenie*
*Troviĝas ripozejo por sopiro mia...*

*Stanislavo Zausmer.*

Li rekonis la voĉon de Fiza. Turnante sin, li ekvidis ŝin malantaŭ densa arbetaĵo. La knabino kun muta gesto avertis, ke li silentu. Li haltis surprizite, ĉirkaŭrigardis, sed nenion rimarkis. Ridetante li demandis.

— Ĉu vi spionas?

La knabino ruĝiĝis ĝis la oreloj. Iom ŝi silentis embarasite kaj poste, tre serioze, reflustris.

— Mi gardas la plej karan de mia vivo.

La vibro de ŝia voĉo, la subite aperantaj larmoj en la bluaj okuloj malarmis Doŝky'n. La knabino en soldata vesto, kun revolvero ĉe la zono kaj kun naiva romantikeco en la koro estis io tiel kurioza kaj tamen kortuŝa, ke li perdis sian kutiman tonon. Piedpinte li proksimiĝis al la embusko de Fiza.

Apenaŭ dek-dekdu paŝojn de la arbetaĵo, iom malsupre, staris Johano. Li legis la nomojn de tiuj samsortanoj, kiujn la morto jam pacigis. Malantaŭ li, inter la tomboj, rapide proksimiĝis al li elegante vestita virino. Estis Katja. La bruon de ŝiaj paŝoj englutis la mola sablo, Johano ne rimarkis ŝian venon. Ŝi haltis malantaŭ li, hezitis, ŝiaj okuloj estis larme mildaj. Fiza kaj Doŝky spir-retene observis ĉion ĉi. Nun Katja karese metis la manojn sur la ŝultrojn de Johano.

— Johano Juroviĉ! — ŝi flustris.

Johano ektremis. La bone konata voĉo penetris ĝis la fundo de lia koro. Ia rapide forpasanta ĝojo ekvibris sur liaj trajtoj. Sed tio daŭris nur mallongan minuton. Kiam li turnis sin, lia mieno jam estis laca, malgaja. Li silentis.

— Johano Juroviĉ! — sonis denove, pli milde, pli petegante.

Fiza kaj Doŝky nervostreĉe aŭskultis, sentante, ke ili nun vidos grandan scenon, duelon de du amantaj koroj. Johano obstine silentis. Katja, vane atendante respondon, embarasiĝis. Doŝky eble neniam vidis ŝin tiel bela. Ŝia vizaĝo honteme purpuris, en ŝiaj okuloj brilis konfuza, larma rideto. Li mem ne volis kredi nun, ke antaŭ du tagoj la sama virino povis senhonte kaj frivole amumi antaŭ li.

Nun ŝi, ekreginte sin, paŝis tute proksimen al Johano kaj ekprenis liajn manojn. Johano ne fortiris la manojn, sed li restis en sia obstina silento.

— Mi venis pentante, — komencis Katja. — Mi multe pekis kontraŭ vi, Johano. Ĉu vi povus pardoni min?

Johano faris malfortan protestan geston, sed ŝi metis sian manon delikate al liaj lipoj.

— Lasu min paroli. Mi vidas el via rigardo, ke nek kolero, nek venĝemo estas en vi — nur profunda ĉagreno kaj tio min kontentigas. Eĉ iom da ĝojo mi sentas, vidante vian doloron, ĉar ĝi pruvas, ke vi tamen amas min . . . Sed mi venis nun, fari nian kalkulon. Mi devas fari tion.

— Senbezone, sinjorina moŝto, — interrompis Johano langvore.

— Aŭskultu min, Johano! Mi ne volas nei miajn kulpojn. Ĉio, kion tiu knabino diris, estas vero. Mi ripetas: la faktoj estas veraj — nur la motivado estas falsa. Mi scias, ke mi perdis vian estimon kaj ĝin regajni estas neeble, sed mi ne perdis vian amon . . . Ne! Ne! Ne! Ĝi vivas, mi scias, eble pli ol iam ajn. Johano, aŭskultu min. Mi estas viktimo. Viktimo de mia beleco, viktimo de la malĉasta vira avideco.

Kontraŭvola rideto ironiis ĉe la lipoj de Johano. Tio ofendis kaj incitis ŝin. Ŝi plilaŭtigis la voĉon.

— Kredu min, Johano! Fidu je la sincereco de miaj vortoj! Oni vendis min! Mia propra patro vendis min! Ĉu vi aŭdas? Apenaŭ mi estis deksepjara, kiam bankroto minacis la fabrikon de mia patro kaj tiam li prezentis al mi riĉan junulon. Nenion malbonan mi suspektis, ĉar tiu viro proksimiĝis al mi en masko de ideala amo. Li plaĉis al mi. Li ŝajnis bonanima, ĝentila kaj honesta. Poste, mi ekamis lin, la patro nin lasis ĉiam solaj kaj . . . kaj . . . post unu jaro kiam la konsekvencojn mi ne povis malkaŝi kaj mi petis lin pri geedziĝo, li impertinente ekridis kaj diris rekte al miaj okuloj, ke tio ne estis en la kontrakto. Li devas edziĝi al riĉa junulino, konvena al liaj rango kaj deveno. Mi ne volis kredi, mi turnis min al mia patro kaj . . . li ne povis nei. Mi vidis la abismon antaŭ mi. Mi decidis sinmortigon. Oni malhelpis ĝin. Kaj oni serĉis viron, kiu, por mono kaj ofico, donos al mi kaj al la naskiĝonta infano sian nomon. Tiu viro estas mia edzo.

Johano videble emociiĝis kaj sincera kompato esprimiĝis sur lia vizaĝo. Katja kun larmaj okuloj daŭrigis.

— Profundan dankon mi sentis al tiu viro, ĉiamaniere mi volis rekompenci lin pro lia kompato. Ho, kiel naiva mi estis! Iun tagon mia edzo proponis, ke mi iru al lia ĉefo por protekti lin. Kaj kiam mi miris, ne volis, dubis pri la sukceso, li

ĵetis al mi kun abomena rikano: „Vi povos ĉion atingi, vi ja estas bela!“ Ekturniĝis la ĉambro ĉirkaŭ mi. Ĉi tiun homon mi estimis, dorlotis, volis rekompenci! Mi svenis. Ĉio mortis en mi. Restis nur neestingebla malamo kontraŭ ĉiu viro, malamo kaj venĝemo pro la perdita honoro, pro la interna ruiniĝo. Mi decidis venĝi kaj venĝi senkore, senkompate, vandale kaj demone . . . Kaj de tiam mi ĵetis min al ĉiu, kiu avidis min, sed la prezo estis ĉiam terura . . . Mi faris tian inferon por mia edzo, kian li faris por mi . . . Ni vivas kune, ĉar komunaj pekoj ligas nin . . . Rememoru, Johano, mi diris al vi, ke vi ne postulu klarigon de mi, ĉar tio neniigos vian estimon al mi. La estimo ja perdiĝis kaj nun mi jam nenion riskis per la konfeso.

Ŝi rigardis Johanon, kiun ŝi vidis antaŭ nelonge emociita. Sed lia mieno nun montris plie mediton ol kortuŝon. Ŝi vane atendis la sopiratan respondon. Senpacience, kun tremo en la voĉo ŝi ekkriis.

— Eĉ unu vorton vi ne havas por mi! ?

Johano lasis forgliti la blankajn manojn el la siaj kaj tre serioze rimarkis.

— Pro la kulpoj de aliaj vi punas la senpekulojn.

La vangoj de Katja ekflamis. Ŝiaj okuloj kolere ekbrilis.

— Ĉu mi ne estis senpeka, pura kaj ĉasta? La viroj faris min tia, kia mi estas. Pro ilia besta voluptemo mi fariĝis demono . . . Ili mortigis en mi ĉion belan, ĉion idealan.

Ŝiaj okuloj subite plenpleniĝis de larmoj kaj ŝia voĉo eksingultis.

— Johano, komprenu min . . . komprenu min . . . Neniam en la vivo mi amis. Vi estas la unua, pro kiu mi hontas mian estinton. Vi estis la unua, kiu ne atentis mian belecon. Vi estis la unua, kiu serĉis en mi animon kaj neglektis mian korpon, mian malbenitan belan korpon. Vi estis la unua, kiu ekvidis en mi mian unuan memon kaj taksis ĝin laŭvalore. Johano, mi perdis vin pro mia estinto, mi perdis vin, sed sen vi mi ne povas vivi . . . mi ne povas . . . mi ne volas . . .

Johano faris nervan movon. Li volis iamaniere malhelpi la daŭrigon.

— Lasu la klarigojn! — li diris. — Mi sincere kompatas vin, sinjorino. Mi kompatas vin pro via unua falo kaj precipe pro tio, ke vi ne povis levi vin morale. Vi estis tro malforta. Se virino falas pro amo, ŝi tamen restas pura, ĉar ami ne estas peko. Sed tiu virino, kiu krimas kontraŭ la amo, tiu meritas sian sorton.

Katja laŭte eksploris. Ŝiaj larmoj faris longajn striojn sur la bela vizaĝo kaj Johano perdis la altruditan trankvilon. Lia rigideco mildiĝis, ĝi ne povis kontraŭstari al la ĉarmo de ŝiaj larme brilantaj okuloj. Malgraŭ ĉio, nun denove superregis lin la amo kaj forgesigis lin pri ĉio. Li jam bedaŭris siajn krudajn vortojn kaj devis ekparoli kompate kaj konsole.

— Do ploru! Ploru, la larmoj estas bonfaraj. Mi envias vin pro ili. Se mi havus ilin! Se mi povus plifaciligi mian turmenton per ili! Mia plorado estas interna, pli taŭza, pli kruela. Mi ne volas mensogi al vi. Mi ne volas nei, ke en mia koro estis pli ol simpatio al vi, sed mi konsciis pri tiuj moralaj baroj, kiuj disigas nin. Kaj kiomfoje mi esploris mian koron, kiu tordiĝis inter du sentoj, dolore kaj mizere! Ami samtempe du personojn, estas nekredeble, tamen vere. Kaj perdi samtempe ilin ambaŭ, estas eble, sed ne kredeble. Kaj jen, tio okazis. Grandajn mortintojn mi havas kaj funebras malespere.

Katja kroĉis sian rigardon al liaj lipoj. Ŝi atentis avide liajn vortojn. Malantaŭ la arbetaĵo, Fiza kaj Doŝky ĉiam pli kaj pli ekscitite aŭskultis. La koron de Fiza tordis strangaj sentoj, kompato kaj ĵaluzo batalis en ŝi post la kortuŝa konfeso de la virino, kiun ŝi devus malami. Doŝky estis el pli malmola materialo, lia dubema animo ne tro kredis la sincerecon de tiu ĉi belega katino, kiel li nomis ŝin. La rakonto de Katja — li pensis — povas ja enhavi ion veran sed ĝi certe ne kovras tute la realon. Cetere lin nun pli interesis tio, ĉu Johano nun malkaŝos la verajn kaŭzojn de tiu apatia melankolio, en kiu li dronis dum la lastaj semajnoj.

Sed la konduto de Johano subite ŝanĝiĝis. Li ekridis amare, kvazaŭ pri sia ĵusa kortuŝeco, liaj trajtoj taŭziĝis, lia rigardo fariĝis penetra kaj, kaptinte la manojn de Katja, li tiel forte ekpremis ilin, ke ŝi ekveis. Kaj raŭkvoĉe, krude li kriis al ŝi.

— Kial vi venis nun al mi?

Katja terurite rigardis la konvulsiajn trajtojn de Johano.

— Mi diris ja! — ŝi flustris.

Johano ekridis sovaĝe. Liaj manoj tiel premis la ŝiajn, ke ŝi falis teren pro la doloro. Ŝi terurite ekkriis.

— Vi freneziĝis?! Helpon!

Johano tremis pro la emocio. Liaj vortoj eliĝis singulte, kvazaŭ el sufokata gorĝo.

— Komedion vi volas . . . estu do komedio! . . . Vi imagis min tro simpla . . . Komedion vi volis, mi ludis do komedion . . . Batalon vi volis, mi do batalis, kaj la venkon mi ne donos malkare al vi . . .

Katja terurite balbutis.

— Mi ne komprenas vin . . . Kial? . . . Mi . . . mi . . .

— Kial vi venis nun al mi? — siblis furioze Johano — Kial vi venis nun? Respondu! Respondu!

Katja fortostreĉe klopodis liberigi siajn manojn el la fera premo, sed Johano tenis ŝin spasme. Timiga rikano aperis ĉe liaj lipoj.

— Bone! Vi ne volas respondi. Do mi mem diros al vi!

Subite, per unu mano li ŝirmalfermis ŝian bluzon kaj elprenis pakaĵeton el sub la ĉemizeto. Kelkaj falditaj paperfolioj, kunligitaj per blanka rubando.

— Jen kial? . . . Pereigi vi volis min! . . . Aĉan intrigon plekti pro venĝemo! Jen do! La falsaj dokumentoj pri mia konspiro! Alŝteli vi volis ilin! Arestigi vi volis min! Pruvojn oni trovu ĉe mi, pruvojn, ĉu ne? Jen kial vi venis, hipokrite, serpente! Mi lasis, ke vi elludu vian komedion. Ankaŭ mi estas ja komedianto, tion vi forgesis. Sed via komedio estas tro danĝera, ĝi minacis vivojn. Vivon de kelkaj, kiuj eĉ per rigardo ne ofendis vin, vivon de senpeka knabeto, kiun ni penis savi per nia ŝirmo malforta.

Dum liaj akuzoj Katja baraktis malespere sur la tero. Fine ŝi sukcesis leviĝi. Indigno, malespero, obstina decido kaj lipkunprena spito alternis sur ŝia vizaĝo. Fine ŝi ne povis plu silenti.

— Ve, Johano! Kiel maljuste! . . . Mian amon . . . Komprenu do! . . Vi miskomprenas . . . terure vi miskomprenas . .

Sed Johano, en sia furiozo, nenion plu aŭdis. La spasme premitan manon de Katja li tiel forte ektordis, ke ŝi, senkonscie pro la doloro, boksis per sia libera mano en lian vizaĝon.

La bato estis forta. Johano ekŝanceliĝis. Por kelkaj momentoj la bato forprenis lian vidpovon. Li delasis ŝin.

Krion li aŭdis: „Mi tamen faros kion mi komencis.“ Poste konsternitan ekkrion. Li sentis, ke fortaj manoj kaptas lian brakon. Li ekrigardis. Doŝky estis apud li. Je kelkpaŝa distanco li vidis Katjan, rigidiĝintan pro timo. Antaŭ ŝi staris Fiza, kun revolvero en la mano. Ili ambaŭ tremis, pro teruro, pro ekscitiĝo. Johano ekkriis.

— Fiza! Ne! Ne! Ne pafu! — kaj li kuris al Katja, kiu perdis siajn fortojn kaj svenin te falis inter liajn brakojn.

Doŝky la unua reprenis siajn fortojn. Li levis la kunfalditajn

---

## ĈU VI SENTIS

*K. de Kalocsay*

*Ni iras firme kaj ni stumblas, ni preĝas kaj ni pekas kaj ni*
*[ekkuras ĝojkrie kaj ni baraktas en polvo:*
*Piaj kaj malicaj, malkuraĝaj kaj heroaj — homoj!*
*Kiu atentas en ni pri niaj paŝoj — mistera Okulo? . . .*
*Ĉu vi ne sentis la rigardon eklumi kaj bruligi en via sino,*
*Rigardon aman kaj pardoneman, sed kelkfoje tranĉan, ke vi*
*[kaptas al koro,*
*Kvazaŭ iu ponardon estus traborinta? . . .*
*Ĉu Tiu estas ni — nia mizera, senhelpa estaĵo gluita al la tero-*
*[butoj,*
*Tiu, mistera, potenca, Tiu, majesta Juĝisto,*
*Antaŭ kiu ni tremas?*
*Ĉu vi ne sentis disiĝi vian memon kaj rigardi vin mem el la*
*[alto,*
*Kompate kaj ame aŭ indigne kaj kolere pri viaj agoj propraj?*
*Kaj ĉu vi mem rigardas vin tiam, aŭ transtera, giganta, nekonata*
*[Spirito*
*Tuŝinta vin dum momento, sian filon, sian eron deŝiritan,*
*Kiu eraravagas en la labirintoj de l'Materio, en la surda mal-*
*[lumo de l'sensoj,*
*Ĝis li liberiĝos kaj kun Li triumfe unuiĝos? . . .*

dokumentojn kaj metis ilin en la poŝon. Poste li prenis de Fiza la revolveron, reŝovis ĝin en ĝian ingon.

— Freneza sensencaĵo! — li murmuris.

Fiza estis mortpala. Konfuzite ŝi rigardis Johanon kiu tenis en siaj brakoj la svenintan virinon. Lian rigardon nun katenis tiu senmova paperblanka vizaĝo. Kiel pura, kiel kvieta ĝi estas. Dormas la venĝemo, ĝi ne taŭzas la delikatajn trajtojn. Se ŝi neniam vekiĝus kaj ĉiam konservus ĉi tiun kvietan, mildan, anĝelan aspekton!

Doŝky alproksimiĝis. Li haltis ĉe la kapo de la virino kaj apenaŭ aŭdeble rimarkis.

— Bela katino. Estus bone sufoki ŝin.

Katja nun levis la palpebrojn, kaj ŝia rigardo time vagis jen al la vizaĝo de Doŝky, jen al tiu de Johano. Ŝi ne vidis Fizan, kiu staris senmove sur la vojo.

— Vi volas mortigi min . . . Ĉu ne?

Neniu respondis.

— Mi scias, ke mi estas nun en viaj manoj kaj vi ne indulgos min.

Johano volis diri ion, sed Doŝky antaŭis lin.

— Ne, sinjorino. Ni estas nur militkaptitoj. Nin defendas nun neniu kaj nenio. Ni estas ĉi tie fremdaj, ni estas sen armiloj kaj vi povos plekti plu viajn intrigojn. Iru do kaj rekomencu ĉion, sed rapidu, ĉar la tempo urĝas. Vi mem plej bone scias, ke Irkuck kapitulacis al la ĉeĥaj legioj, kiuj morgaŭ aŭ postmorgaŭ estos antaŭ la urbo. La revenintoj eble petos respondon pri via troa simpatio al la malamika partio? Tio ne estos agrabla por vi. La dokumentojn, dediĉitajn al ni, ni danke konservos. Eble ni povos uzi ilin.

Stranga rideto aperis sur la vizaĝo de Katja. Ŝi rektiĝis, ordis sian vestaĵon. Ŝi paŝis al Johano, milde alrigardis lin, poste senvorte sin turnis kaj ekiris. Post kelkaj paŝoj ŝi atingis Fizan. Ŝi haltis. Ŝajnis heziti. Poste ŝi ekkriis.

— Kamaradino, vi estas nun soldato, vi servas la revolucion. Vi jus sciiĝis pri mia komploto. Mi alvokas vin, arestu min! Jen la plej bona okazo, forigi min el via vojo.

Fiza surprizite embarasiĝis. Katja plilaŭte, energie ripetis.

— Mi postulas, ke vi arestu min!

Fiza stariĝis flanken montrante per tio, ke ŝi ne deziras plenumi la strangan deziron. La vojo estis libera, sed Katja restis obstine senmova. Poste denove ŝi ekparolis, kaj nun ŝia voĉo estis incitema, provoka.

— Jen via granda amo kaj sinofero! Vi timas min. Do sciu, se mi forlasos ĉi tiun lokon, mi batalos plu. Min ne timigas minacoj, min ne kortuŝas sentimentala romantikeco. Mia amo fariĝis neestingebla malamo. Mi neniam pardonos. Jes, mi konfesas, ke mi intrigis, mi faris komploton, mi denuncis vin ĉiujn pri konspiro, neniam farita, sed pruvebla de mi per dokumentoj! En la mano mi tenas la vivon de tiu viro, kiun vi amas. Per sola gesto mi povas estingi lian vivon. Ĉu vi do malkuraĝas defendi lin? Demono mi estas, demono! Ĉu vi komprenas min? Lian vivon, nur lian vivon mi avidas. Nu, kamaradino, nun mi donis min en viajn manojn kaj tamen vi hezitas? Do arestu min!

Johano kaj Doŝky terurite aŭdis ĉion ĉi, sed Fiza, kiu staris kontraŭ la virino kaj povis esplori ŝiajn trajtojn, havis strangan impreson. La mieno de Katja kontraŭis la spite akcentitajn vortojn. Ĝi esprimis senesperan baraktadon, profundan doloron. En la lasta frazo estis plie petego ol incito kaj spito. Fiza sentis, ke ŝi staras antaŭ enigmo. Por solvi ĝin, estos plej bone, plenumi la strangan deziron.

— Ni iru! — ŝi diris.

Johano volis malhelpi ilin, sed Doŝky retenis lin.

Fiza kaj Katja ekiris. Johano rigardis ilin kvazaŭ malaperantajn fantomojn. Malamo kaj amo iras tie kune sur la vojo. Muta sinakuzo turmentis lin. Li ne povis plu nei, ke li amas kaj amas la unuan kaj nur senfinan kompaton li sentas por la alia. Neniam en la vivo li trompiĝis tiel dolore. Vere, Katja estis koketema, facilkonduta, sed li ne supozis pri ŝi tian moralan degeneron. Li kredis la sincerecon de ŝia amo, la mildajn karesojn de ŝiaj okuloj kaj la amplenajn vortojn de tiuj petole ridetantaj lipoj. Li nur nun konscias, ke lia amo naskiĝis en la unua momento de ilia konatiĝo. Terurajn batalojn li luktis kontraŭ ŝi, kiam li rifuzis ŝiajn ĉirkaŭprenojn, ŝiajn kisojn, pro la alia virino, kiun li „metis sur la altaron de sia koro". Kaj en la sama momento, kiam la altarbildo disŝiriĝis, li devis ekkoni la veran vizaĝon de la virino, kiu kaŭzis al li tiom da maldormaj noktoj, febraj baraktoj.

Doŝky kompate observis la dolormienan enprofundiĝon. Longa tempo jam pasis en silento, kiam li avertis, ke vesperiĝas. Ili ekiris hejmen. Ili estis jam ĉe la duono de la vojo, kiam Johano ekparolis.

— Petro, se mi povus almenaŭ plori, plori!

— Ploru, Johano, ploru! — diris kompate Doŝky kaj amike ĉirkaŭprenis lin.

—Mi ne povas . . . mi ne povas . . . Kiel bone estus! . . . Mi tre . . . tre amas ŝin . . .

— Ŝi ne indas je via amo.

— Ne diru tion, Petro . . . Mi mortigis ŝian animon . . . Mi estas kulpa.

Doŝky ne sciis kion respondi. Johano, kvazaŭ por plifaciligi sian doloron, fariĝis pli komunikema.

— Ŝi skribis al mi longan leteron post tiu fatala teatra vespero. Ŝi petis pardonon por sia nepripensita konduto. Ŝi korŝire plendis pri sia amo kaj mi ne kuraĝis respondi. Antaŭ du semajnoj denove mi ricevis leteron de ŝi. Nur kelkajn liniojn. Ili estis enigmo por mi. Mi tuj respondis laŭkore, ne bridante min plu, mi forgesis dum la skribo, ke mi estas ĉi tie neniu kaj promesis al ŝi pli ol mi rajtis. Mi dronis en revoj, plektis sonĝimagojn, sed, portante la leteron al poŝtkesto, mi estis krulele vekita. Mi renkontis lin dumvoje. Brak-en-brake,

## *ESTAS NOKTO LUN*

*Henrik Visnapuu*

*Neĝo dum krepusko falis de la ĉiel'.*
*Miaj pensoj ekleviĝis en la malhel'.*
*Estas nokto, lun', nun la kor' doloras.*

*Min foresto via premas en tiu hor'.*
*Ĉu sen mi la vojon trovas nun via kor'?*
*Estas nokto, lun', nun la kor' doloras.*

*Lansimile disfaliĝas la blanka neĝ'.*
*En animo plilaŭtiĝas funebra preĝ'.*
*Estas nokto, lun', nun la kor' doloras.*

*Post la altaj domtegmentoj sin kaŝas lun',*
*Ĉiam restos la turmento, forestos sun'.*
*Estas nokto, lun', nun la kor' doloras.*

1917.

## *REZIGNO*

*Henrik Visnapuu*

*Atendad' min rompis,*
*La espero trompis.*
*Mia man'*
*Etendadis sin al vi sopire.*
*Estis van'.*
*Mi laciĝis, ŝanceliĝas ire.*

*Plu ne estas ploro.*
*Ĉesis la doloro.*
*Arda sent'*
*Cindron nur postlasis en animo,*
*Vivo-vent'*
*Ĝin kunportos al la mar-senlimo.*

*Ĉu nun plori, sidi?*
*Kuri kaj rapidi.*
*Koro nur*
*Arbomuĝon aŭdas kaj sonoron.*
*Kun plezur'*
*Mi en kanton verŝas la doloron.*

1916.

El la estona: *Hilda Dresen*

kokete ridetante, sin forte alpremante ŝi iris kun la nuna adjutanto. Ekvidante min, ŝi paliĝis kaj mi disŝiris mian leteron.

Doŝky kontraŭvole rimarkis.

— La katino montris siajn ungojn.

Johano daŭrigis.

— Antaŭ kelkaj tagoj, vespere mi vagadis. Mi laciĝis pro la longa sencela marŝado kaj eksidis sur la ŝtupo antaŭ la teatro. Subite iu alparolis min. Estis Joĉjo, la iama hejtisto. Nun ankaŭ li soldatiĝis en la ruĝa armeo. Li estas anarkisto. La kvinpinta nigra stelo ne faris lin fiera, li nomis min „sinjoro volontoro". — Vi estas do anarkisto? — mi demandis. — Ĉu vi scias, kio estas anarkismo? — Lia mieno heliĝis. — Jes, — li respondis, — cent kvindek rubloj tage. Mi devas kolekti monon por la fianĉino . . .

— Malfeliĉa stultulo, — rimarkis Doŝky.

— Sed aŭskultu plu! . . . Li akompanis min ĝis nia barako. Ĉe la pordo li ĉirkaŭrigardis kaj sekretmiene rakontis al mi, ke lia kamarado, iama teatra dekoraciisto, menciis al li, ke granda danĝero minacas min, ĉar mi faris ian konspiron kontraŭ la nuna reĝimo. Eĉ dokumentoj ekzistas pri mia perfido kaj verŝajne baldaŭ mi estos mortpafita. Tiam mi ridis pri la afero, sed hieraŭ Joĉjo denove vizitis min kaj dirante, ke lin naŭzas la sangavideco de liaj kamaradoj, li avertis min, ke mi kaŝu min aŭ rifuĝu, ĉar hodiaŭ oni volas aresti min kaj tiujn artistojn, kiuj loĝas kun mi en sama ĉambro. Mi dubis pri la afero kaj tiam li malkaŝis, ke la manoj de la bela virino aranĝas ĉion ĉi. Li mem vidis la dokumentojn en ŝiaj manoj, kiam li ordis la ĉambron de la komandant-adjutanto. Ĉi tiu kaj ŝi longe priparolis la aferon. Mi pensis, ke Joĉjo eraras. Li ja ne parolas ruse kaj komprenas tre malmulte, sed li insistis, ke li komprenis sufiĉe por diveni ĉion.

Kaj . . . kaj hodiaŭ matene mi ricevis leteron de ŝi. Rendevuon ŝi petis de mi en la tombejo, kie ŝi nepre volas kun mi paroli. Kio okazis tie, tion vi vidis. Sed vi eĉ imagi ne povas tiun turmentan nokton, kiun mi havis, eksciante, ke ŝia venĝemo minacas ne nur min, sed ankaŭ vin kaj multajn aliajn. Vin nun ja ne mirigas, ke mi ne povis bridi min. Mi estis brute vulgara kaj tion mi bedaŭras. La doloro kaj indigno rabis mian prudenton.

La konsterniĝo de Doŝky, ĉiam pliiĝinta dum la rakontado, eksplodis.

— Mi estus sufokinta ŝin.

Ili atingis la barakon. La samĉambranoj estis hejme. Unu legis, alia senpense rigardis la vesperiĝon, kiu pentris sangruĝa la okcidentan ĉielon, la tria gitarludis ian malgajan melodion. La aliaj revante aŭskultis. Post la kutima saluto Johano kaj Petro sidiĝis al la tablo. Sed la maltrankvila animo de Johano ne lasis lin ripozi. Li nervoze leviĝis por foriro.

En tiu ĉi momento aŭdiĝis bruo sur la koridoro. La pordo malfermiĝis kaj ĉe la sojlo aperis armitaj soldatoj, komanditaj de Fiza. Ŝia mieno estis severa, la trajtoj rigidaj, la voĉo malmole ordona.

— En la nomo de la revolucia juĝistaro mi arestas la loĝantojn de tiu ĉi ĉambro pro konspiro kun la malamiko.

Ĉiuj saltleviĝis. Kelkaj ekridis, pensante pri ŝerco, aliaj timigite rigardis la soldatojn. Johano kaj Doŝky konsternite ekkriis, samtempe.

— Fiza, vi? Ankaŭ vi?

Fiza, ne atentante la ekkrion, paŝis al Doŝky kaj prenis el lia poŝo la dokumentojn, kiujn li enpoŝigis en la tombejo. Transdonante ilin al soldato, ŝi ordonis komenci la laŭvican arestadon. Ŝi legis la nomojn kaj la soldatoj kundukis ĉiun menciitan al la koridoro, kie tumultis amaso de ekscititaj scivoluloj. Leginte la nomojn de Doŝky kaj Johano, Fiza donis apartan instrukcion.

— Ĉi tiuj estos transportitaj en la urbon. Ŝtata malliberejo. La aliaj, kiel suspektitaj, en la garnizonan malliberejon! Komprenite? !

Johano, kvazaŭ ne kredante al la propraj okuloj, ripetis.

— Fiza, vi? Ankaŭ vi?

— Mi estas soldato. La komandantaro ordonas, mi devas obei! — ŝi respondis iom krude kaj seke. — Kamaradoj, ni povas ekiri.

Antaŭ la barako tumultis militkaptitoj. Inter ili Izor Steiner, kiu malespere kuradis tien kaj reen por ekscii ion certan. Kaj kiam li sciiĝis pri la kaŭzo de la arestado, ega malespero superregis lin.

— Kaj mia dokumento ? ! Kio estos pri mia dokumento ? Ho, mi, azeno, ke mi donis mian dokumenton al li! — li riproĉis sin. — Mi estas nun viktimo de mia singardemo. Tiu malbenita dokumento nun povas eltordi mian kapon.

La arestitoj ekiris en du grupoj. La unua al la garnizona malliberejo, la alia al la stacidomo. Ĉi tiun lastan komandis Fiza. La trupo tuj envagoniĝis, por veturi al la urbo.

Veninte al la ŝtata malliberejo, Fiza transdonis Johanon kaj Petron al la dejoranta soldatprokuroro. Ili estis kondukitaj tra longaj koridoroj, ĉiu en apartan ĉelon. La du amikoj adiaŭis kun longa manpremo.

Post kelkaj momentoj jam ilin ambaŭ ĉirkaŭis la peza silento de la karcero.

Estis ĉirkaŭ noktomezo, kiam la pordo de la karcero de Johano silente malfermiĝis. Starante dorse al la pordo Johano distrite rigardis la ferstangojn de la kradumita fenestrro, li ne rimarkis la piedpinte venintan vizitanton. Estis Fiza. Ŝi ektuŝis la sultron de Johano, kiu surprizite turnis sin, sed ŝia mano ordonis silenton. Kunfalditan paperpeceton ŝi ŝovis en la manon de Johano kaj flustris al li dum foriro.

— Sinjoro Bardy, mi kisis la manon de Katja. Kisu ankaŭ vi!

La pordo senbrue refermiĝis. Johano avide disfaldis la paperon. Nur unu frazo de bone konata mano: „Mi amas vin ĝismorte."

La papero falis teren kaj la longe sopirataj larmoj aperis en la okuloj de Johano.

## PRINTEMPO

*Julio Baghy*

*La suno ridas.*
*La frunton kisas la radioj.*
*Min dorm' evitas.*
*La koron tiklas melodioj.*
*El verda arbetaĵo la zefiro*
*alflustras flutoludon de satiro.*
*Nun nimfo trilas, birdo ŝin imitas.*
*En herboj majskaraboj lude spitas.*
*Konjekto vibras: io devas veni . . .*
*Petolo igas kison ŝtele preni*
*kaj ridas mi, ĉar devas ridi,*
*plengorĝe kanti, kri-aklami,*
*disŝuti sentojn, min dividi*
*kaj vin, karega, ami . . . ami . . .*

*La voĉo tremas.*
*Fosfore lumas la pupiloj.*
*Deziroj ĝemas.*
*Resonas en mi birdotriloj.*
*Haho! Haho! Jen kun freneza rajdo*
*al koro flu-galopas fajrotajdo.*
*Neeble spiti plu! Neeble kuri!*
*Neeble jam mensogi, false ĵuri!*
*La tajdo venas . . . kreskas . . . kun si rulas*
*kaj senton vekas . . . dubon dolĉe lulas.*
*La fajroondon vipas ŝtormo,*
*miraklofare koron hardas,*
*por vivi vokas el la dormo*
*kaj en mi amo ardas . . . ardas . . .*

*Ah, venu al mi!*
*Ni kune kuru al montpinto!*
*Ho venu psalmi*
*en dia templo de l' Kreinto!*
*Ĉe floraltaro de la monto*
*la senton baptos freŝa fonto.*
*Orgenas tie vento, birdoj kantas.*
*La korojn ĉasta amo varte fandas.*
*Printempa varm', printempa bel' nin benos,*
*soifajn lipojn arda kis' katenos*
*kaj preĝos mute korinterno:*
*„Benata estu de l' Ĉielo*
*simbol' eterna de l'Eterno:*
*printempa varm', printempa belo!*

*Menciita en la XI Int. Floraj Ludoj.*

# LUNA SONATO

G. V. AGRAEV

Por kio mi veturis Berlinon? — demandis sin Beethoven, elirante vespere el sia domo. Por kio? Por konvinkiĝi ankoraŭ unu fojon, ke la famuloj kaj riĉuloj estas trivialaj, kaj la malriĉuloj — malfortaj kaj sensignifaj. Por kio mi aldonis ankoraŭ unu maldelikatan akordon al la malgaja muziko de mia vivo ?

Malkontento pri si mem ĉirkaŭkaptis la tutan estaĵon de la granda komponisto.

Li pli rapide ekpaŝis, klininte la kapon, kovritan per larĝranda ĉapelo.

— Ĉu por tio mi vizitis tiun ĉi urbon, ke fiera grafino ofendu min, aŭ por tio, ke mia kara altranga amiko, princo Lui Ferdinand, uzante la okazon, venĝu kontraŭ la grafino pro la ofendo? Ho, abomenaĵo, abomenaĵo ! . . . Kaj kuntirante la ŝultrojn, kvazaŭ sentante malvarmon, kvankam la vespero estis varma, Beethoven ankoraŭ pli rapide ekpaŝis sur la Viena strato.

Li rememoris la balon ĉe la grafino, rememoris ĝin de l'komenco ĝis la fino, ĉar li ne povis forgesi el ĝi eĉ unu momenton.

Li ludis sian sonaton, per ĝi li rakontis al ili ĉiujn turmentojn de sia koro, tiel dolora dum la lastaj jaroj; la tutan teruron, kiun li eksentis je la unuaj signoj de surdeco. En la pezaj akordoj de la *„grave"*, tiun ĉi vesperon li metis la tutan suferon de la eventuala rezigno pri la mondo de sonoj, kaj poste, rimarkinte la frapantan impreson, kiun li faris per sia ludado, li trankviligis ilin per la *„adagio"*.

En tiuj momentoj ŝajnis al li, ke eble la danĝero estas ne tiel grandega.

Eble . . . Ho, tio estas grandega, trankviliganta vorto ! Eble ! Post ĝi espero, paco, ĝojo . . .

Kaj vidante, kiel trankviliĝas ĉirkaŭ li la dorlotitaj belaj vizaĝetoj, li apenaŭ aŭdeble prenis la du finajn akordojn de la *„adagio"* kaj transiris al la *„rondo"*, al la trankvila, senzorga parto de sia sonato.

Ho, ĝi estis por ĉiuj komprenebla ! Certe! En ĝi ĉio estis konata al ili: tio ĉi estis ilia tago bagatela, senenhava, facila . . . Ili ridetis, ili estis kontentaj.

Kaj rememoriĝis al li la tondro de la longe ne silentiĝantaj aplaŭdoj. Beletaj virinvizaĝoj salute ridetis al li. Iliaj manoj, ĉizitaj el marsaŭmo, plenigis la salonon per sonoj, esprimantaj kliniĝon antaŭ lia genio.

Kaj poste . . .

Beethoven kunpremis pugne la manojn pro furiozo.

Antaŭ li, antaŭ liaj sonoj oni kliniĝis, dum ili ankoraŭ sonis en la aero kaj ŝajnis, ke kandeloj, reliefoj de la muroj, lertaj har-aranĝoj de liaj aŭskultantoj kovriĝis per delikata diafana punto.

Dum liaj sonoj ŝvebis en la aero, kvazaŭ aro da sorĉaj vidaĵoj, oni preĝis al li. Kaj kiam ili jam disŝutiĝis, oni forgesis pri la genio.

Oni proponis al li, sidiĝi apud la tablo de la muzikistoj, kiuj devis ludi marŝojn, polonezojn, kaj menuetojn por la dancantaj gastoj.

Tio estis tro ! Beethoven ekkaptis la ĉapelon kaj elpuŝis murmurante ĉiujn konatajn al li insultojn.

Tiel pagis al mi tiu ĉi mecenatino. Ŝiajn orelojn kun egala oportuneco trairis majesta akordo, kaj kamelo, kaj tuta husara orkestro. Ofendo antaŭ virinoj estas duoble suferiga, kaj Beethoven en la balo ja estis ĉirkaŭata de tuta aro da ili.

— Kaj ili rigardis trankvile ! Ho, ili ankaŭ ne povis sidi apud mi ! Certe, kiu mi estas por ili? Mi estas nek ministro, nek oficiro kun estonta grava rango, nek filo de grandsinjoro. Ha-ha-ha ! Mi estas filo de la tenoro de princa kapelo kaj nepo de la kortega kapelestro, kiu, por kelkpfeniga leciono, kuradis kelkajn mejlojn. Ho, jes ! mi ankaŭ estas ido de kortegaj . . . amuzantoj !



STUDO DE LIONARDO DA VINCI AL „LA BATALO EN ANGHIARI". Kopio de Rubens.

Beethoven volis disŝiri en du partojn tiun ĉi tutan mondon de sensignifaj animoj.

Kiel malaminda ŝajnis al li tiu ĉi malsaĝa ronda bulo, kiu staris sur la ĉielo anstataŭ la luno. Beethoven malespere etendis antaŭen la manojn, kun krucitaj fingroj kaj ekrigardis ĉirkaŭen. Li ne rekonis la lokon.

— Kie do mi estas? Tio ĉi estas, verŝajne, antaŭurbo, sed kia?

La nuboj kovris la ĉielon. Tra ili apenaŭ-apenaŭ traiĝis hela makulo signifanta la lunon.

— Ha, jes, ĉu ne estas egale?

Beethoven ekiris malproksimen. Kaj li rememoris, kiel lia amiko, princo Lui Ferdinand venĝis sian amatan komponiston, kiel sidis ĉe li, la sekvintan vesperon, Beethoven en la ĉefloko de la tablo, kun la princo dekstre kaj kun la grafino maldekstre; kiel tuŝetis lin surprizitaj rigardoj, akompanataj de ĝentila rideto. Tio por li ne estis venĝo. La princo ĝuis sian delikatan elpensaĵon, Beethoven suferis. Li vidis la kontraŭvolan rideton de la grafino, li travivis ŝian maloportunan staton, li rimarkis kun kia rapideco ŝi malakceptis la proponitajn manĝaĵojn. Li devis rimarki eĉ kelkajn ironiajn rigardojn, kiuj, kvazaŭ delikataj sagoj, estis jetitaj al la grafino de kelkaj finoj de la tablo. Tiu ĉi vespermanĝo estis por li daŭra, terura rememoro por la tuta vivo.

Kurbiĝinte kaj nerve ektirante la ŝultrojn, li preskaŭ kuradis laŭ la strato.

— Por kio? Pro kio? Kian ili havas rajton? Kion mi faris al ili? — Li eksentis plifortiĝantan doloron en la orelo. Terura signo de surdeco portiĝis antaŭ li kaj lin memorigis pri tio la ripetiĝo de la peza „*grave*“ el lia patetika sonato.

Ho, malbenita malŝatinda vivo! Ĉu estas eble vivi kaj ludi, por ke tiu ĉi malhonoro enkorpiĝinta en homaj formoj donu al mi diplomon de genieco? Sed ne, spite al ili ĉiuj, mi sentas kaj konscias dian talenton, per kiu mi povas plenigi la tutan mondon. Ho, mi povas rakonti ĉion, ĉion! iliajn malĝojon, trivialecon, esperojn je gloro, ilian ĝojon, feliĉon, ridetojn, larmojn kaj povas montri al ili, kio estas vera feliĉo kaj vera malĝojo, sed ne ilia malgrava, sensignifa, esprimita per obtuzaj sonoj.

Subite la fantomo de surdeco ree aperis antaŭ li. Beethoven haltis kaj senintence svingis per la mano venteton ĉirkaŭ la kapo.

— Kio do estas? Halucinacio aŭ realaĵo?

Li aŭdis kiel la dua parto de la „*grave*“, per vico de malsuprenirantaj akordoj transiras en „*allegro*“, kiel kun ĉiu *crescendo* tiu ĉi fantomo pli persiste etendas al li siajn brakojn, kaj kiel, poste, per vico de malsuprenirantaj oktavoj ĝi falas ie, malproksime de li. Beethoven ĉirkaŭrigardis. La luno lumis en plena brilo. Ĝiaj trankvilaj, melankoliaj radioj surverŝis per timema lumo nekonatan al li straton. El kontraŭa dometo aŭdiĝis la sonoj de lia patetika sonato. Ili diskrete distranĉis la lunan lumon, per kiu estis envolvita la dometo, kaj ili degelis en la aero.

— A-a, jen kial min ne forlasis tiu ĉi fantomo de malespero! — trankviliĝinte ekspiris Beethoven.

Li direktis sin al la dometo. mallaŭte eniris tra ne ŝlosita pordo kaj haltis sur la sojlo.

Antaŭ li aperis bildo, tute ne ordinara por antaŭurbo, kien li trafis.

Ĉe malnova, kvankam bone agordita instrumento sidis knabino kaj kun profunda sento ludis la patetikan sonaton.

Per ŝiaj delikataj manoj ĝi ne faris tiun majestan impreson, kiun antaŭ nelonge vekis mem Beethoven en Berlino, sed la komponisto rekonis, ke la knabino komprenas la sonaton kaj vivas per tiuj sonoj, kiujn estigas ŝiaj fingroj.

— Jes, bone! Tiel . . . — ekmurmuretis li, kiam ekaŭdis, ke en la „*rondo*“-n ŝi enportas facilan spiradon de senzorga ĝojo.

Larĝa garbo de lumo falis tra la fenestro sur la knabinon, klavojn, plankon kaj tablorandon.

Blankaj radioj aldonis ion fantazie enigman al la tuta meblaro.

Beethoven admiris la gracian talion de la knabino, ŝian apenaŭ kliniĝintan kapon kun la delikata profilo kaj la blankajn longajn fingrojn.

— Kia beleco! — pensis li kaj sentis, ke en lia brusto estiĝas facile, lia koro batas pli rapide, ke ondo de inspiro portas al li tutan mondon de muzikaj pensoj. Levante alte la bruston, li penis spiri mallaŭte.

— A-a, jen kie oni min ŝatas! Jes, jes min tie ĉi oni komprenas. Mi devas ankoraŭ vivi, por ke mi kreu por tiu ĉi bona, ĉarma muzikantino. Ne, mi ne estas soleca . . .

Sed jen, li ekaŭdis la vicon de obstine malsuprenkurantaj sonoj, poste longa gamo, komenciĝanta de laŭta



LIONARDO DA VINCI: MONA LISA.

alta noto, poste kelke da malaŭtiĝantaj akordoj, ankoraŭ laŭta gamo — kaj forta finanta akordo.

La sonato estis finita.

— Belege, — diris Beethoven.

— Vi . . . vi, kiel vi ekaperis tie ĉi ? — turniĝis al li la knabino kaj ekstariĝis.

— Kaj al mi ŝajnis, ke iu eniris, sed mi ne rimarkis vin, — ekaŭdiĝis voĉo de flanke.

Beethoven turniĝis kaj en la duonlumo ekvidis maljunulon, kiu sidis apud la tablo, apoginte sian kapon per mano

— Pardonu min, — diris Beethoven: — sed mi ŝatas tiun ĉi sonaton, tiel same, kiel vi. Kaj tial mi havas rajton aŭdi ĝin, kiam oni ludas ĝin tiel belege. Ĉu vi do scias, kiu ĝin komponis?

— Beethoven, — respondis la knabino. — Li estas granda komponisto, kaj mi, kun la patro, ŝatas lin

— Pro kio?

— Pro tio, ke li komprenas nin, nin malriĉajn homojn, — ekparolis la maljunulo, kaj en lia voĉo aŭdiĝis larmoj. — li rakontas al ni pri nia malĝojo, kaj ni komprenas lin. Mi nun estas blinda kaj en tiu ĉi sonato mi aŭdas konsolon. Beethoven antaŭvidis mian blindecon kaj rakontis al mi pri ĝi. Mi, kun la filino, ŝatas tiun ĉi sonaton kaj iam ni iros por aŭdi Beethoven mem.

Dolĉaj larmoj de grandega anima kontento glitis al la gorĝo de la komponisto. Kun kia kontento li ĉirkaŭbrakus tiun ĉi blindiĝintan maljunulon. Por tiu ĉi momento oni povas morti.

Kiel senenhavaj ŝajnis al li ĉiuj antaŭaj aplaŭdoj, kompare al tiu ĉi simpla parolo.

— Kial vi ĝis nun ne povis aŭdi lin?

— Ĉar li ludas nur al grafoj, princoj! Ĉu li malsupreniĝus al ni ! Ni ja estas malriĉuloj . . . Li povas bone rakonti pri nia malĝojo nur al tiuj, kiuj malkomprenas lin. Mia filino donas muziklecionojn al infanetoj en tiu ĉi antaŭurbo. Kiam ŝi perlaboros multe da mono, tiam ni venos aŭdi Beethoven mem.

La komponisto maldolĉe ridetis kelkajn fojojn dum la vortoj de la maljunulo kaj poste ekparolis al la knabino.

— Ĉu vi tre ŝatas la muzikon ?

— Jes, per ĝi mi vivas.

— Kiel, ĉu nur per muziko ?

— Mi revas ankaŭ.

— Sed la muziko ja estas revo.

— Ho, ne ! La muziko estas realaĵo.

— Jes, jes, — diris la maljunulo. — Por kiu la vivo estas malbona, por tiu la muziko estas vivo. Mi estas blinda, kaj al mi la muziko parolas nun pri ĉio, pri kio iam la vidsento. Mia filino kun ĉiu tago perdas el sia juna vivo, ŝia koro sekiĝas kaj ŝi serĉas en la muziko sian amon, sian ĝojon. Jen kial la muziko por ŝi estas realaĵo. Vivi ja tamen oni volas.

— Jes, oni volas . . . — apenaŭ aŭdeble, kun ĝemspiro ŝiriĝis el la knabino.

La akra orelo de Beethoven en tiu ĉi ĝemspiro ekkaptis la temon por la fino de la nova sonato, kiu naskiĝis en li, kiam li eniris la dometon.

— La muziko ankaŭ por mi estas realaĵo, ĉar ekster ĝi ne estas por mi vivo, — diris Beethoven.

— Eble, vi aŭdis Beethoven?

— Pi ofte ol iu en la mondo, mi asertas al vi.

La knabino dube eklevis la brovojn.

Beethoven rapidis diri:

— Permesu al mi ludi la lastan sonaton de Beethoven, kiun, krom mi, ankoraŭ neniu aŭdis.

Li sidiĝis kaj ekludis sian ĵus verkitan sonaton. En ĝia unua parto li esprimis tiun malluman ĉielon, kun makulo kontraŭ la luno, kiun li observis sur la vojo ; tien ĉi li enskribis sian malgajan rememoron pri la medio de indiferentaj senanimuloj. Sen la kutima transiro en sonatoj, Beethoven komencis la duan parton, en kiu briletis la luna lumo falinta sur la knabinon, kaj la poste sekvinta interparolo. La komponisto ne longe restis tie kaj ree, sen transiro, komencis *„presto agitato"* en kiu — kun streĉita pasio, kelkfoje kun furioza impulso, kiu jen komenciĝis apenaŭ aŭdeble kaj, post vico da sopirpasiaj suprenirantaj sonoj, finiĝis per du mallongaj laŭtaj ĝemspiroj de plenaj akordoj, jen kelkfoje elŝiriĝis en kaskado de duontonoj per apenaŭ aŭdebla „jes oni volas vivi" kaj venis al subpremata mallonga ĝemspiro, — la komponisto rakontis pri tio, kiel la juna koro ekscitiĝas per varmegaj esperoj pri feliĉo, kiel la kruda vivo premas liajn sopirojn, kaj kiel ĝi batas pli forte. Ekaŭdiĝis du lastaj minoraj akordoj — kaj Beethoven turniĝis al siaj aŭskultantoj.

La maljunulo iris al la ludanto kaj staris en strio de luna lumo, kiu arĝentis lian kapon. Sur liaj okuloj briletis larmoj.

— Mi dankas, dankas vin ! — per malforta murmuro li ripetis, apenaŭ elparolante la vortojn. — Vi donacis al mi kelkajn minutojn de vera feliĉo. Vi mirinde ludas! . . . Eĉ pli bone, ol mia filino . . .

Beethoven vidis, ke la knabino enpense rigardas la fenestron. Ŝiaj brovoj iom eksulkiĝis, ŝia fiksita rigardo estis malĝoja kaj fluoj de luna lumo dronis en ĝi. Ŝi silentis, ĉar la pasio de la sonato ankoraŭ sonis en ŝia koro.

— Kie do estas la vivo? — demandis tiu ĉi malĝoja enigma rigardo. — En kio estas tiu ĉi vivo? Kaj kio ajn ĝi ja estus, kiel mi volus provi ĝin ! provi forte, per tuta mia estaĵo . . . Ŝi apenaŭ-apenaŭ ektremis kaj, ne ŝirante for la rigardon de la fenestro, demandis :

— Ĉu vi estas Beethoven ?

— Jes.

— Mi tiel pensis. Alie ne povus esti.

La maljunulo, ekaŭdinte, ke antaŭ li estas Beethoven, antaŭe konsterniĝis, poste rava mirego disverŝiĝis sur lia vizaĝo.

— Jes, jes, ankaŭ mi same pensis ! Certe, certe . . . Kiu alia povus ja tiel ludi? . . . Vi . . . estas mirinda genio . . . — murmuretis li tra larmoj, sufokiĝante pro la ravo.

La koro de Beethoven estis troplenigita. Preminte la manon de la juna knabino, per sufokiĝanta voĉo li diris al ŝi :

— Vivu, vivu. Por vi oni povas verki multe da kantoj. Kaj vi ilin ofte aŭdos de mi . . .

Surĵetinte la ĉapelon, li rapide iris el la ĉambro.

Furioza ĝojo kaptis lin. En tiu ĉi momento li amis la tutan mondon.

Matene li retrovis la konatan straton kaj alvenis hejmen.

Kiam pasis la laciĝo, li skribis la novan sonaton kaj vespere sin direktis kun ĝi al siaj novaj konatoj.

Sed, kiam li eliris sur la straton, unua lia demando estis :

— Kien iri ?

Li eĉ ne memoris, al kia flanko hieraŭ, elirante el la dometo, li turniĝis, — dekstren, aŭ maldekstren.

— Ha, kial mi ne demandis nomon, nek adreson? Kie do mi estis hieraŭ?

Beethoven staris kelkajn minutojn en meditado kaj revenis hejmen. Li ekmemoris, ke lia sonato estas sen titolo.

Enirinte la ĉambron, li prenis plumon kaj enpensiĝis.

Du vidajoj staris antaŭ li en blankaj lunradioj: ploranta maljunulo kaj knabino kun malĝoja, kvazaŭ ion atendanta rigardo.

Ferminte la okulojn, Beethoven longe sidis, poste per larĝaj literoj li skribis:

„Luna sonato".

Sed la dometon de la antaŭurbo li neniam retrovis.

El la rusa: *Vera Potehina.*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: EL LA ARTTEORIAJ PRITRAKTOJ DE LIONARDO DA VINCI



Lia unua biografiisto, la pentristo Giorgio Vasari, tre interese karakterizas lin: „Pli multe li laboris per vortoj ol per agoj."[1] Eĉ se hodiaŭ ne estas akceptata la iomete mokgusta konstato de l' samtempano, tamen troviĝas en ĝi almenaŭ ero da vero. *Lionardo da Vinci* (1452—1519) estis la fina plenumiĝo de la esploranta spirito de l' Quattrocento en Firenze. Li unuigis en si ĉiujn rezultojn de l' ĝistiamaj specialistaj majstroj. Li estis eklektikulo, kies intelekto enfermis ĉion, kio estas inter la limoj de la homa menso. La arto estis relative nur malgranda parto de lia vivenhavo. Liaj postrestintaj prinotoj montras mirinde multflankan pensulon, kies sciencaj pritraktoj estus grandaj plenumoj ankaŭ de l' XX-centjara homo.

Lia literatura postrestaĵo estas pli ol kvindek ampleksaj kodoj, kiuj enhavas tre diversajn, grandparte ilustritajn notojn el la sferoj de l' anatomio, arkitekturo, fiziko, geologio, botaniko, mekaniko, kpt. Ĉi loke nin interesas nur liaj priartaj opinioj. Liajn principojn entenas la t. n. *„Trattato della Pittura"*,[2] el kiuj ni sube prezentas kelkajn partojn.

*

Pentristo, kiu laboras nur laŭ sia praktiko kaj laŭ la prijuĝo de siaj okuloj, estas kiel la spegulo, kiu imitas en si ĉiujn objektojn metitajn antaŭ ĝin, sen tio ke ĝi plene konus ilin.

*

La limoj de l' korpoj estas la plej malgrandaj inter ĉiuj aĵoj. La vereco de ĉi tio estas pruvebla, ĉar la limo de iu korpo estas la supraĵo, kiu estas nek parto de tiu korpo, kiun kovras ĉi tiu supraĵo, nek parto de la aero, kiu ĉirkaŭas tiun korpon, sed ĝi estas io inter la aero kaj korpo, kiel ni pruvis tion en ĝia loko. La eksterajn limojn de ĉi tiuj korpoj donas la *linio,* kiu limas la suprajon, sed ĉi tiu linio estas nevideble mallarĝa. Pro tio, pentristo, ne ĉirkaŭigu viajn korpojn per linioj, ĉefe ne en tiuj figurajoj, kiuj estas pli malgrandaj ol la natura grando, ĉar ĉi tiuj ne nur ne povas montri siajn eksterajn limojn, sed ankaŭ iliaj partoj iĝas nevideblaj pro la distanco.

*

Estas necese, ke la pentristo, kiu bone volas figuri la korpojn en diversaj statoj kaj pozoj, konu la anatomion de l' nervoj, ostoj, muskoloj kaj artikoj. Nur tiel li povas scii, ke en okazoj de diversaj movoj kaj fortostreĉoj, kiu nervo aŭ muskolo kaŭzas tiun movon kaj nur ĉi tiujn li devas plastike esprimi, ne ankaŭ ĉiujn aliajn, kiel faras multaj, kiuj, por montri sin grandaj desegnistoj, la nudajn korpojn pentras kiel arbon, tute sen ĉarmo, ke ni povas rigardi ilin pli rajte sako da nuksoj, ol homa figuro kaj pli prave ligajo da rafanoj, ol muskolaj, nudaj membroj.

*

Se vi, desegnisto, bone kaj utile volas daŭrigi viajn studojn, alkutimiĝu desegni malrapide kaj diferencigi, ke el la lumoj kiuj kaj kiom estas unuagrade helaj kaj, sammaniere, el la ombroj kiuj estas pli malhelaj ol la aliaj kaj kiamaniere ili miksiĝas kaj komparu la kvanton de ĉi tiuj al tiuj. Observu, kie estas la desegnaj partoj kaj kiom da parto de la linioj estas sur unu aŭ sur la alia flanko, kie ili estas pli okulvideblaj, kie malpli, ĉu ili estas dikaj, aŭ maldikaj kaj fine: viaj ombroj kaj lumoj unuiĝu sen linioj kaj signoj, kvazaŭ fumo. Kaj kiam per ĉi tiu diligenteco perfektigitaj estos via mano kaj prijuĝo, alvenos ankaŭ la rapideco, sen tio ke vi mem rimarkus [3])

*

Rekte ni eldiras, ke eraras tiuj, kiuj rigardas bona majstro tiun pentriston, kiu povas pripentri bone nur kapon aŭ figuron. Ĉi tio ja ne estas granda afero, ĉar se li studas dum sia tuta vivo nur unu objekton, kial li ne povus perfektiĝi pri ĝi? Sed, ĉar ni scias, ke la pentro enfermas kaj enhavas ĉion, kion kreas la Naturo kaj kion estigas la agemo de l' homoj, do ĉion, kion ni povas vidi per niaj okuloj: mi opinias mallerta tiun majstron, kiu povas bone pripentri nur unu figuron. Ĉu vi ne vidas kiom kaj kiomspecaj aĵoj devenas nur de la homoj mem? Ĉu vi ne vidas la diversecon de la bestoj, arboj, kreskaĵoj, floroj, la varieĉon de la montoj kaj ebenaj regionoj, fontojn, riverojn, urbojn, publikajn kaj privatajn konstruaĵojn, ilojn taŭgajn por uzi al la homoj, la diversajn kostumojn, ornamajojn kaj artojn? Ĉiujn ĉi aferojn kiel egale gravajn kaj valorajn, devas priuzi tiu, kiun vi volas nomi bona pentristo.

*

Se vi havas korton kaj vi povas ĝin kovri per pluvtolaĵo, tio donos bonan lumigon. Aŭ, se vi volas pretigi ies portreton, pripentru tiun en malbona vetero aŭ dum krepusko, tiel ke tiun personon starigu kun dorso al iu muro de l' korto. Observu dum krepusko aŭ en malbona vetero la vizaĝon de l' viroj kaj virinoj: kia ĉarmo kaj delikateco montriĝas sur ili! Pro tio, pentristo, havu korton, kiun ĉirkaŭas nigrepentritaj muroj, kun mallarĝaj duondefluilaj tegmentoj super la muroj. Estu la korto dek ulnojn larĝa, 20 ulnojn longa kaj dek ulnojn alta kaj se brilas la suno, kovru ĝin per pluvtolajo aŭ pentru la portreton dum krepusko, aŭ, kiam la vetero estas nuba, nebula. Jen la perfekta lumo.

*

Se vi volas prezenti, kiel iu parolas antaŭ multaj personoj, vi devas pripensi la temon, pri kiu li parolas kaj la gestojn vi devas konformigi al la respektiva temo. Se temas pri konvinko, estu la gesto alkonvena; se tiu persono pruvas ion laŭ diversaj kaŭzoj, li ekprenu per la fingroj de sia dekstra mano unu fingron de l' maldekstra mano, fleksante la du plej malgrandajn fingrojn kaj turnu sin kun decidiĝanta vizaĝo, kun, iomete malfermita, parolon montranta buŝo al la popolo. Se li sidas, li iomete rektiĝu kaj etendu sian kapon antaŭen; se li staras, li klinu siajn korpon kaj kapon iomete antaŭen al la popolo. La popolon prezentu en senvorta kaj atenta pozo; ili ĉiuj rigardu la vizaĝon de l' parolanto, kun gesto esprimanta miron. La angulo de la buŝo de kelkaj maljunuloj mirinde malsuprentiriĝas dum la aŭdo de la parolo; ilia vizaĝo restas plena de sulkoj: siajn brovojn ili tiras alten tiel, ke sur la frunto estiĝas multaj sulkoj. Kelkaj, sidante, tenas siajn lacajn genuojn per la kunplektitaj fingroj de siaj manoj, aliaj apogas sur siajn kunmetitajn genuojn unu manon, en kiu ripozas la kubuto de la alia brako, dum la mano apogas la barban mentonon de la kurbiĝinta maljunulo.[4])

[1] G. Vasari: Le vite de' piu eccelenti pittori, scultori ed architettori. Firenze, 1551.

[2] En la British Museum.

[3] „Sfumato"; vidu la delikatan, pure tonan ellaboron de „Mona Lisa".

[4] Vidu la „Lasta Vespermanĝo".

# Forgesi mi ne povas vin...

*Jan van Schoor.*

*Forgesi mi ne povas vin,*
*ho vi, loganta min sireno,*
*ĉar kie ajn, kvazaŭ malbeno,*
*vi ĉiam persekutas min.*

*En la soleco, dum festeno,*
*aŭ en la brakoj de virin',*
*forgesi mi ne povas vin,*
*ho vi, loganta min sireno.*

*La amo estas kvazaŭ ĉeno:*
*mi vane volis rompi ĝin;*
*kaj verme, en la febra sin',*
*mordetas min la amĉagreno.*
*Forgesi mi ne povas vin.*

# OBSERVO

## LA XIIa KONGRESO DE LA KATALUNA ESPERANTISTA FEDERACIO

*(21—25 majo. — Palma de Mallorca)*



NARCISO BOFILL

En la ĉarma perlo de la Mediteranea maro, la bela baleara ĉefurbo, Palma aŭ Ciutat de Mallorca, okazis solene, florlude kaj laborefike la nunjara Kongreso de la Katalunlingvaj esperantistoj kun la tradiciaj Internaciaj Floraj Ludoj.

Ĝi estis granda sukceso. Kaj pro la kuraĝo kaj lerteco de ĝia organizinto, la brava samideano el Mallorca, inĝeniero Narciso Bofill, la aŭtoritatuloj ne kuraĝis malpermesi ĝian okazigon malgraŭ denuncoj al ili senditaj kontraŭ la Kataluna Esperantista Federacio. Sed kontraŭe ĝi estas unuanime rekonita kiel pure esperantisma organizaĵo por la teritorioj de katalunlingvanoj.

Floraj Ludoj, Festeno kaj Ekskursoj estis vere ravaj. Ĉie evidentiĝis la energio, la malavaro kaj fervoro de la Prezidanto de la Organiza Komitato.

Ĉeestis premiitaj verkistoj el pluraj landoj: Josep Berger el Ĉeĥoslovakujo, Emma L. Osmond el Anglujo, kaj aliaj eksterlandaj gesamideanoj, nome Anna Hrbáčková el Zi- Frike el Bratislava, Drino. Grogan el Anglujo, kaj la Sekretario de la Centra Komitato, Robert Kreuz. La nombro de samideanoj veturintaj al Mallorca estas pli ol cent. La festenon ĉeestis 170. Ĉiuj ĵurnaloj kaj gazetoj el Mallorca eĉ tagojn post la Kongreso publikigis favorajn impresojn pri nia Movado kaj laŭdojn al la antaŭeniga laboro de la loka pioniro Narciso Bofill.

En la Floraj Ludoj rimarkiĝis kiel poetoj la katalunoj kaj hungaroj, kaj kiel prozverkistoj la rusoj. Kolomano de Kalocsay sendis kiel paroladon de Prezidanto vere interesan verkaĵon pri la specialaj kvalitoj de Esperanto por literaturo. En la aperonta eksterordinara numero de „Kataluna Esperantisto" estas publikigota detala kaj plena raporto pri la XIaj internaciaj Floraj Ludoj okazintaj dum la XIIa Kongreso de la Kataluna Esperantista Federacio, kaj pri ĉiuj Kongresaj okazintaĵoj.

Intertempe ni diru ke la tasko de la katalunoj vere estas rimarkinda en kaj por nia Movado.

Por la proksimaj Internaciaj Floraj Ludoj estas proponata al la granda oratoro de Esperantujo, Dro. Edmond Privat, la Prezidanteco, kaj estas petataj ĉiuj naciaj kaj internaciaj organizaĵoj de nia Movado sendi premiojn por difinitaj aŭ libervolaj temoj, plej baldaŭ al la suba adreso.

La ĝenerala adreso de la Kataluna Esperantista Federacio kaj ĝia organo „Kataluna Esperantisto" estas: Carrer Valéncia, 245, — Barcelona, Katalunujo.

## PENSOJ PRI SHAKESPEARE

*(Daŭrigo)*

Ne nur pri viraj okupoj kaj aferoj sciis Shakespeare, sed li havas grandan konon pri virinaj aferoj, pri la kuirarto, kudrado, distilado de parfumoj, uzado de medicinaj herboj, kaj natursciencoj. Viroj ne kutimas kompreni kaj senerare uzi la terminaron de virinaj metioj. Efektive, kiam oni petas, ke viroj klarigu tiajn aludojn, ili konfesas ke ili ne komprenas la signifon de trafe uzataj komparoj kaj aludoj. Mi amuziĝis, aŭdante virajn klarigojn de du frazoj facile komprenataj de virinoj. „Via malnova kitelo naskas novan jupon" (Antonio kaj Kleopatra I 2) kaj „Tiu tralardus lian jam tro grasan malhumilecon." (T. kaj K. II 2.) La unua nur signifas, ke el eluzita kitelo oni povas fari subjupon, kaj la dua rilatas al kuirado, kiam kuiristino, per speciala kudrilo portanta striojn de lardo, tralaĉas la striojn en malgrasan karnaĵon, (bovidaĵo, kokidaĵo); neniam oni metas lardstriojn en grasan viandon, do la aludo signifas: „lian jam tro grandan malhumilecon, tio ankoraŭ pliigus". Viro ne komparus tombon kun torto aŭ pasteĉo, sed Shakespeare tion faras, dirante:

„Model' malgranda de l'senfrukta ter'
Por niaj ostoj, pasto kaj kaj kovraĵo."

(Rikardo IIa, III. 2.)

Tro stranga puno, por esti elpensita de vira aŭtoro, estas tio, kion Kleopatra minace promesas al la kuriero, anoncinta la geedziĝon de Antonio kaj Oktavia. Ŝi diras, „Per drato estos vi vipata, en salakvo stufata, kaj en peklaĵo longedaŭre turmentata." (Antonio kaj Kleopatra, II. 5.) Tiele oni batis per dratoj viandon por moligi ĝin, metis ĝin en salakvon, kaj poste, dum kelkaj semajnoj lasis ĝin en miksaĵo de salakvo, melaso, kaj spicoj.

Jen metaforo pri trikado. Thurio konsilas al Proteus pri Julia, ke, kiam ŝia amo al li malvolviĝos, pro timo ke ĝi disfadeniĝu kaj perdu ĝian valoron, li mem estu la objekto, sur kiun ŝi revolvos ĝin. (Du Sinjoroj el Verono, III. 2.) Tiu rilatas al kutima agado kiam virino disvolvas trikaĵon; ŝi tuj komencas revolvi la lanfadenon sur karton aŭ lignopecon, por ke ĝi ne dispeciĝu kaj senutiliĝu por rea trikado. En alia dramo, „La submetiĝo de la megero", troviĝas multaj aludoj kaj metaforoj pri la kuirarto, precipe en la priskribo pri la nova vestaĵo mendita de Petrukio por Katrina. Sed por ne tro tedi, mi ne daŭrigas; mi kolektis proksimume kvindek tiajn aludojn je esence virinaj metioj.

Rimarkinda estas la nombro de aludoj al arboj, floroj, spickaj medicinaj herboj, ĉasbestoj kaj birdoj, kaj liaj informoj estas pravaj kaj precizaj. En la dramoj de liaj samtempuloj tiaj aludoj estas maloftaj.

Lia patriotismo estas nedubebla; ĉiu angla lernanto konas la paroladon faritan de Henriko V. al liaj soldatoj antaŭ la batalo de Agincourt, sed ke li ne estis militamanto, pruvas la parolado de la burgunda duko (Henriko Va, V. 2.). Legante lian priskribon de militaj sekvoj ĉe Harfleur, kaj de la nokto antaŭ Agincourt, oni povus imagi, ke Shakespeare mem vizitis batalkampojn.

*Emma L. Osmond*

*(Daŭrigota)*



REGINO KAJ KORTEGANINOJ. DE MALDEKSTRE: F-INOJ. T. BAUZA, J. BRIGNON, C. ALOU, C. MONTANER, T. SÁNCHEZ, R. BRIGNON, J. OLIVER, KAJ INFANINOJ, F. SAMPOL, J. MAYOL.

### KARL MINOR

Esperanto-Deutsches Handwörterbuch. *(Daŭrigo kaj fino.)*

2. se la unua vortparto estas radike substantiva, ĝi konservas sian substantivecon kaj la analizo okazas per la prepozicio *je,* aŭ per *rilate al . . .* (Herbriĉa = riĉa je [rilate al] herbo; homplena = plena je homoj; laŭrinda = inda je laŭro; Esperantema = ema je Esperanto.) Se adjektivan radikon ni uzas tiasence, konsilinde estas konservi la interan finajon. (Beloriĉa.)

3. se la unua vortparto estas radike verba, ĝi substantiviĝas kaj la analizo okazas laŭ II. 2. (Lumplena = lumoplena; vojaĝpreta = preta je vojaĝo; prespreta = preta je preso; aminda = inda je amo). Aliparte, *ema, inda, ebla,* per sia *senco,* atribuas agan elementon al la antaŭe staranta radiko, kaj tial, laŭ la principo sufiĉo, ne estas necese aparte signi ĉi tiun agan elementon. (Sangema = sangadema; martelebla = marteladebla; kroninda = kronadinda. Ankaŭ la supraj formoj estas rigardeblaj kiel mallongigoj de *laŭradinda, Esperantadema.)* Krome, *inda* kaj *ebla* portas en si mem pasivan sencon, *ema* aktivan. Kelkfoje la sencon difinas nur la lingvouzo. (Servopreta, prespreta.)

4. Vortoj, kiel *sangruĝa, leonkuraĝa* ktp. estas rigardeblaj kiel adjektivigoj de substantivaj vortkunmetoj. (Sangruĝo-a, leonkuraĝo-a = (ruĝo de sango)-a; (kuraĝo de leono)-a.

5. Reciproke, vortoj, kiel *helbluo, plenpleno* estas rigardeblaj kiel substantivigoj de adjektivaj vortkunmetoj. (Helblua-o, plenplena-o.)

6. Cetere, se la dua vortparto estas radike adjektiva kaj vorte substantiva, validas regulo 1. 1.

III. Se la fina vorto estas radike verba kaj

1. en verba formo,

*a)* la unua vortparto havas adverban sencon. (Laŭtlegi = laŭtelegi; bonfarti = bonefarti; kunludi = kuneludi; ekiri = ekeiri; subaĉeti = subeaĉeti; vicprezidi = viceprezidi; ŝtonbati = ŝtonebati; pafmortigi = pafemortigi.)

*b)* ĝi povas havi sencon adjektivan, ĉi okaze ĝi estas predikata atributo. (Ruĝpentri = pentri ruĝa; plenŝtopi = ŝtopi plena; disiri = iri disaj; kunveni = veni kunaj; grandigi = igi granda; beliĝi = iĝi bela.)

*c)* la fina finajo povas rilati ne al la fina vortparto, sed al la tuta kunmeto kiel al ununura substantiva tuto. Ĉi okaze do la finajo ne estas pleonasma, (ĉar ne rilatas al verba radiko), sed havas la funkcion de memstara vorto. (Fruktodoni = [fruktodono]-i = [dono de frukto]-i; voĉdoni [voĉodono]-i [dono de voĉo]-i.)

2. se la fina verbradiko estas vorte substantiva

*a)* ĝi povas esti analizebla laŭ I. 1. (Ŝtonjeto = ĵeto de ŝtono; leterskribo = skribo de letero.)

*b)* la vorto kelkfoje estas analizebla, kiel substantivigo de finvorte verba vortkunmeto; kiu lasta estas analizebla laŭ III. 1. *a)* (bonfarto = [bone farti]-o; plenlumo [plene lumi]-o) aŭ laŭ III. 1. *b)* (plenŝtopo = [plena ŝtopi]-o; beligo = [bela igi]-o.)

3. se la fina verbradiko estas vorte adjektiva, la vorto estas analizata ĉiam laŭ I. 2., do la verboadjektivon oni devas *ĉiam* rigardi kiel substantivo-adjektivon (verbosubstantivo-adjektivon.) (Bonfarta = [bona-farto]-a; plenluma = [plena-lumo]-a; fruktodona = [frukto-dono]-a; ĉiopova = [ĉio-povo]-a = [povo de ĉio]-a; memama = [amo de (si) mem]-a; beliga = [bela igi]-o-a ktp.)

Nun ni vidu la finajojn.

Finajo **o**, ĉar ĝi estas substantiva, ĉiam substantivigas la antaŭe starantan vortradikon, do propre ĝi *faras sin mem ĉiam pleonasma.* (Regulo I. 1.) Tial oni povas ankaŭ *elizi* ĝin, se oni signas ĝian ĉeeston per apostrofo aŭ per la akcento.

Finajo **a** estas pleonasma nur post adjektivaj radikoj, kiujn ĝi ne ŝanĝas. (Regulo II. 1.) Substantivaj radikoj antaŭ ĝi konservas sian substantivecon (regulo II. 2.) kaj la finajo gluiĝas al ili kun sia *senco,* kiu estas *kvalita* aŭ *rilata,* kelkfoje ankaŭ *simila* aŭ *hava.* Homa = homkvalita, aŭ homrilata; ŝtona = ŝtonkvalita aŭ ŝtonhava, vitra = vitrokvalita aŭ vitrosimila.) Verbajn radikojn ĝi ĉiam substantivigas. (Regulo II. 3.) (Ama letero = amorilata letero; luma globo = lumokvalita aŭ lumohava globo; fiksa najlo = fiksokvalita aŭ fiksohava najlo; ĉagrena koro = ĉagrenohava koro, tima homo = timokvalita homo.)

Finajo **i** estas pleonasma nur post *verbaj* radikoj, kiujn ĝi ne ŝanĝas. Sed ankaŭ tie ĉi oni povas supozi, ke la radiko adverbe rilatas al la finajo, kies senco estas *agi* (en la plej vasta senco). (Konstrui = agi konstrue.)

Post *substantivaj* radikoj la finajo **i** adverbigas la antaŭan radikon. (Marteli = agi martele (per martelo); kroni = agi krone (per krono); reĝi = agi reĝe (kiel reĝo); ordi = agi orde (laŭ ordo); ŝaŭmi = agi ŝaŭme ktp.) (Regulo III. 1. *a*).

Post *adjektivaj* radikoj ĝia apliko estas la sama. (Rapidi = agi rapide.) *Beli, blanki, malboni* = *i* bele, blanke, malbone. Car *i* enhavas la sencon de *ago,* ekzistas certa diferenco inter *blanki* kaj *esti blanka.* „La papero estas blanka" — ĉi tio estas simpla konstato. Sed: „la papero blankas en la mallumo", ĉi tio signifas, ke la papero *as blanke,* tio estas *agas, impresas blanke.* Tamen, ĉar *i* estas *agi* en la *plej vasta* senco, kaj ĉi tiu plej vasta senco enhavas ankaŭ la ideon de *esti,* oni povas, en poezio precipe, uzi la adjektivoverbojn ankaŭ laŭ la jena analizo: *estas . . . a.* (Analogio: III. 1. *b*).

Ĉar la finajoj estas rigardeblaj kiel memstaraj vortoj, estas evidente, ke kelkaj vortkunmetoj devas esti analizataj tiamaniere, ke ili ne konsistas el du radikoj, sed el radikkunmeto kiel tuto, kaj el finajo kiel aparta vorto. Kiam tia analizo estas necesa, tion difinas nur la lingvouzo. Analogio: ŝtonkamentubo estas ne tub de (ŝtonkamen), sed (kamentub) de (el) ŝton, male: vaporŝipasocio estas ne (ŝipasoci) de vapor, sed asoci de (vaporŝip); la diferenco de la radikgrupigo estas evidenta. Same: voĉdono = (don o) de voĉ, laŭtlegi = (leg i) laŭt; sed bonfarto = o (bon fart), fruktodoni = i (frukt don), belvizaĝa = a (bel vizaĝ); grandara = a (grand ar), urbdoma = a (urbdom).

Nun ni povas resumi la ĝisnunajn regulojn jene:

**Detalaj reguloj:**

1. subst. vorto (sufikso, finajo) postulas antaŭan substantivon. Analizo: adjektivo rilata, prepozicio *de (el),* epiteto substantiva

2. adjektiva vorto (sufikso, finajo) povas havi antaŭ si

*a)* adjektivan vorton, se la antaŭa radiko estas adjektiva. Analizo: adverbo;

*b)* substantivan vorton, se la antaŭa radiko estas substantiva, aŭ verba. Analizo: *je,* aŭ *rilate al...;*

3. verba vorto (sufikso, finajo) povas havi antaŭ si

*a)* adverbon;

*b)* adjektivon (predikata atributo).

**Plurelementaj vortkunmetoj:**

Ĉe pli ol duelementaj vortkunmetoj oni devas esplori, laŭ kia analizo oni devas grupigi la elementojn de la vortkunmeto. La analizon difinas senco kaj lingvouzo.

Ĉe duelementaj vortoj oni devas esplori, ĉu tiu ĉi duelementeco ne estas *ŝajna,* ĉu la finajo ne funkcias, kiel memstara plua elemento. Ĉi okaze la vortkunmeton oni devas analizi kiel pli ol duelementan.

Jen do la komplikita vojo, laŭ kiu pasas, senkonscie, la Esp. vortkunmetado. Ĉu tiuj ĉi reguloj estas nepraj, senesceptaj? Nu, tion mi ne diras, oni ja povas citi esceptajn vortojn (ekz. *vicreĝo,* kiun oni faris laŭ la analogio de vicprezidanto (= anto de [vic prezid]). Ankaŭ kelkaj prefiksoj ignoras ĉi tiujn regulojn (antaŭmodifiloj?). Tamen, mi povas diri, ke ĉi tiuj esceptoj estas malmultaj, vere esceptaj, kaj la *spirito* de la Esp. vortkunmetado estas skizita en la ĉi supraj reguloj. En ĉi tiu spirito ni denove povas admiri la Esp. mirindajon, kio estas: reguleco, tamen libereco.

Mi neniun volas devigi, ke li lernu la suprajn regulojn, Dio gardu! Sed preninte la ne malgrandan penon de ilia trastudo, ĉiu konstatos, ke senkonscie uzas ilin, kiu bone scias Esperante kaj bone scias *lingve.*

*

Kvankam tute telegrafstile faritaj, ĉi tiuj pritraktoj tamen fariĝis tiel longaj, ke mi jam vere devas fini. Mi nur volas ankoraŭ paroli pri la kvara diferenco, kiun la aŭtoro trovas inter sufiksoj kaj veraj vortoj. Ĝi estas la prononcado.

Estas vere, ke oni diras vin-agento, kaj vi-nisto. Do kunmetitaj vortoj, dum parolo, estas disigataj laŭ radikoj, dum la sufikso kvazaŭ fandiĝas kun la radiko en unu vorton kaj laŭ tio estas silabata. Sed ĉu tio estas fundamenta diferenco? Laŭ mia opinio la kaŭzo estas simple, ke ĉe kunmetitaj vortoj oni sentas la neceson de *klariga* prononcado, por esti bone komprenata, dum, ĉe la sufiksoj, kiuj, per la ekzerco, estas klare distingeblaj, tian neceson oni ne sentas. Vere, ju pli nekutima estas la vortkunmeto (reven-ebleco, di-donaco ktp.) des pli oni klarigas instinkte per la prononco, dum ĉe kutimaj vortoj (prunarbo, ĉieliro, fruktuzi, ŝipasocio) ĉi tiu klariga prononcado preskaŭ tute malaperas. Kaj, laŭ mia opinio, ĝi tute malaperus, se parolanto, aŭskultanto scius Esp. kiel sian gepatran lingvon.

Antaŭ ol fini, mi volas ankoraŭ montri ekzemplon pri tio, ke kelkfoje la logikeco devas kapitulaci al la lingva uzo kaj kutimo. La aŭtoro kondamnas la vorton *forlasi* en la kutima senco (lasi iun sola, forirante). Estas vere, ke logike ĉi tiu vorto estas absurda. Tamen, ĝi estas vivanta vorto, kaj sian grandan vivkapablon ĝi montros, se oni volus neniigi ĝin. Krome, por ĉi tiu ideo mankas alia vorto. La propono de la aŭtoro (foriri, eliri) estas tute ne akceptebla. Ĉu oni povas diri: foririta fianĉino? Multe pli racie estas kontentiĝi je la vorto, kaj serĉi vorton por la ideo: *lasi foriri.* Mi uzas la vorton: *delasi.*

**Kopar.**

# DRUŽSTEVNI PRÁCE

## KOOPERATIVA SOCIETO EN PRAHA

Niajn legantojn certe interesos ne ordinara entrepreno, kiu estas, krom en Riga kaj Ameriko, unika en la mondo.

En 1922. aperis la unua alvoko al tiuj, kiuj ŝatas bonan, bele aranĝitan libron, sed sian deziron ne povas plenumi pro manko de mono. Por 40 Kč. partopren-kapitalo ili rajtas aĉeti bonajn, artisme aranĝitajn librojn, je malkara prezo proprakosta. Oni komencis kun 15 membroj (600 Kč.) kaj la jaron 1924. oni finis kun 2000 membroj, (akcia kapitalo: 82022 Kč.!)

La dujaran vivon de la kooperativo plej bone montras la subaj ciferoj.

La funkcio de D. P. dividiĝas je tri kategorioj.

1. eldono de beletristikajoj (trad. kaj orig.-ĉeĥaj) t. n. Živé knihy [vivaj libroj]; kolektoj **A** kaj **B.** La lastaj por pli profundemaj legantoj.

2. eldono de Svet (Mondo), por ne-literaturamantoj.

3. „Česka galerio", t. e. eldono de eminentaj ĉeĥaj pentroverkoj.

Ĝis fino de 1924 la kooperativo eldonis el la 1. kategorio 44,000 libroekzemplerojn [ekspeditaj: 37.925], el la ceteraj 6000 ekzemplerojn, [ekspeditaj 2000]. La entuta valoro de la eldonitaj libroj estas Kč. 816.876, ilia meza prezo Kč. 16.60. Oni pagis al aŭtoroj kaj tradukintoj kč. 74.515, al pentristoj kaj grafikistoj Kč. 8.750.

La entrepreno ne nur hejme trovis grandan intereson, multaj fremdlandaj gazetoj kaj revuoj raportis pri ĝi amike.

Tial mi opinias, ke la entrepreno vekos intereson ankaŭ en niaj literaturaj rondoj, kaj — eble oni povos paroli eĉ pri ĝia imitado, kiu helpus ĉe ni pri la ĝis nun ne perfekte aranĝita eldonado de libroj.

Kiuj povus traduki nacilingven oportunan artikolon kaj prizorgi ĝian eldonon, al tiuj mi povus havigi necesajn materialon kaj kliŝojn.

B. Benetka, (Jiĉin. Ĉeĥoslovakio.)



Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró